# LA KANCERKLINIKO

Politika Kultura Skandalema Ajnista

Jan-Feb-Mar 2007 numero 121 4,40 €

LaKancerklinikbov'

KORNEDA
BEEFO

Boyprotein' Ričenhava*

200g

* Garantiita sen genetike modifita sojo

ISSN 0398-5822

## NĚNIAM PLU TIO !
## FOR LA TAŬRBATALOJN !



# Perantoj

| | |
|---|---|
| ARGENTINO 18 € | A. E-A, str. 119 y 122, Ar-3700 FTT Pres. R. Saenz Pena, Chaco |
| AŬSTRALIO 22 € | Libroservo de A.E.A., Esperanto-Domo 143 Lawson Street, Redfern N.S.W. 2016 |
| BELGIO 22 € | FEL, Frankreijklei 140, 2000 Antwerpen Pk:000-0265338-43,Bk:402-5510531-55 |
| BRAZILO 18 eŭroj | BEL, CP 3625, 70084-970 BRASILIA - DF |
| BRITIO 22 € | David Kelso, 5 Craigenhill Road, Carluke, ML8 4QT |
| ĈEĤIO 14 € | Vladislav HASALA, A. Dvorâkova 1, CZ-696 62 Strâznice. |
| DANIO 22 € | A. Casper, Bryggervangen 70, 4.tv. 2100 Kopenhago, tel.+45 39 20 63 48 & +45 2140 84 87rete:arne- casper@email.dk |
| FRANCIO 22 € | Al la ĉefo (apuda paĝo) + UFE, 4 bis rue de la Cerisaie, 75004 Paris, Pĉk :Paris 85535 D |
| GERMANIO 22 € | Esperanto-Centro, Lu Wunsch-Rolshoven Wiclefstr.9, D-10551 Berlin Pĉk : Hannover 2596 58-301 |
| HISPANIO (Eŭskio) | Nikolas Xil Carvalho, 1062 postakutxa 20080 Donostia, Gipuzkoa. |
| (Katalunio) 21 € | Kataluna Esperanto-Asocio, Ap. 1008 08200 Sabadell |
| HUNGARIO 14 € | Besenyei Anna, Szerémi út 21 IV 20, HU-1117 Budapest |
| ITALIO 22 € | Viŝnja Brankoviĉ, Via Parini 5, 34129 Trieste. Pĉk C/C N. 14080345 |
| JAPANIO 22 € | MINE Yositaka, Kitahama-kitawaki 29-16 Takasago-si, Hyogo-ken, 671-0122 |
| KANADO 33,2 CAD | Yves Bellefeuille. 2372 Haddington, Ottawa Ontario KIH 8J4 |
| KROATIO 14 € | K E U, c/o sekretario Marija Belosevic Sveti duh 130, HRV-410000 Zagreb + Viŝnja Brankoviĉ (vd. "Italio") |
| LITOVIO 14 € | LitEA, p. k. 167 LT-3000 Kaunas |
| NEDERLANDO 22 € | UEA, kodo KLIK-g, Pk : 37 89 64 Bk : (Mees/Hope) 255 289 804 |
| POLIO 14 € | Jerzy Handzlik, 43-346 Bielsko-Biała, ul. Braterska 41 |
| RUSLANDO 14 € | Halina Gorecka, RU-236039, Kalingrad, k. 1248 |
| SLOVENIO | Viŝnja Brankoviĉ (vd. "Italio") |
| SVEDIO 22 € | Lisbet Andreasson, Kajsa Kavats gata 8 SE-242 35 Hörby |
| USONO 27$ | ELNA, Inc. C.O., PO Box 1129, EL CERRITO, Cal. 94530 |

aviadile aldonu 1 €

**Mendu 10 malnovajn numerojn**

**(vi povas elekti mem!)**

**kontraŭ nur 15 eŭroj**

# Vendataĵoj

+ 20% por sendokosto gis 35 eŭroj - poste: 10%

### La KromKancerKliniko

| | |
|---|---|
| 4. Stilekzercoj, R. Queneau/I. Ertl, **nova eldono, A5** | 5,00 € |
| 5. La Majstro kaj Margareta, Bulgakov/Long | 3,00 € |
| 6. Bruoj kaj ludoj, Manceau, Saletti, Bertil | 2,75 € |
| 7. Pala Fajro, Nabokov/Meva Maron | 3,00 € |
| 8. Letero el Palestino, Alba/Kamaĉo | 3,00 € |
| 9. Hura-A-A-A, Daniil Harms/Natan Procenko | 3,35 € |
| 10. Pro kio Esperanto? Koresponda debato | 3,70 € |
| 11. La Orelringo, de Jopetro Danvy | 3,70 € |
| 12. La ĉapo de la sterko-vermo, G. Kamaĉo | 3,80 € |
| 13. Kulturo: valoro aŭ varo? Kongresa temo '96 | 3,80 € |
| 14. Sanĝado, poemaro de Mao Zifu | 3,80 € |
| 15. Ĉi-semajne, eĉ ajn-mise, S. MacGill | 3,80 € |
| 16. Arnau - Kavlan - Septier - Sire | 4,00 € |
| 17. Elpensaĵoj/tradukoj de Bruna Ŝtono | 4,00 € |
| 18. **Alilingvaj erotikaj poeziaĵoj**, G Waringhien | 4,00 € |
| 19. Trad. de C. Gerlat (Pavloff, Sfar, Yourcenar...) | 4,00 € |
| 20. Trilingva landlim', Peter Browne | 4,40 € |
| 21. Ekzile, noveloj de Mircea Eiade, trad. I.Onet... | 4,40 € |

### La KancerKlinikoKrestomatio

| | |
|---|---|
| 4. GeLKKpoetoj, LeQuint/Le Puil | 3,00 € |
| 5. Serge Sire "Revenis mi". (ĉe la aŭtoro) | 4,00 € |

### La KancerKlinikoteko

| | |
|---|---|
| 1. Knedu min Sinjorino, R. Corsetti, **nova eld. A5** | 5,00 € |
| 2. Lingvo Universala, Praesperanto, R. Cash | 3,80 € |
| 3. Kvarlingva Proverbaro, L. Bourgois | 4,60 € |

### Speciala numero

1. Momo, Kavlan x 2, bildrak., 48-p-a (Rab.) 5,00 €

### Malnovaj numeroj de LKK

Elĉerpitaj : 0, 1, 2, 3, 4, 5, 8, 15, 23, 28, 29, 30, 31

Ĉiu numero 4,00 €

Rabato 33% ekde tri ekz-oj.

"**Blazonoj**" estas elĉerpita; eblas gin ricevi rekte de Serge Sire (sen rabato): 85 imp. des Fées, F-74330 Sillingy

***

Ni "aktualigis" la liston de "Vendataĵoj". Sed plu restas kelkaj aliaj libroj kaj la 4 kasedoj de Le Puil... Mendu la liston.

***

**KD: Mi estas... Ĵak Le Puil** 18,00 €

(sen rabato) 14 kanzonoj, kun akompano de Jomo

***

### Libroj (sen rabato por "Vojaĝo")

| | |
|---|---|
| Florville kaj Courval, Sade/LeQuint-Le Puil | 5,00 € |
| Higieno de l' murdisto, A. Nothomb/LQ/LP | 9,00 € |
| **Infantravivaĵoj, Armela LeQuint** | 4,00 € |
| Kormoranoj (la), N.Gion/L.Huszar | 6,00 € |
| Kuniks la kuniklo, Kavlan | 6,00 € |
| Pluralogo, de Vimala Devi | 6,85 € |
| Promeso en obskuro, M. de Seabra. Noveloj | 10,20 € |
| Rakontoj pri Sarajeva Sieĝo, Zlatko Dizdareviĉ | 6,00 € |
| Speguliĝoj, de Vimala Devi | 3,80 € |
| **Vojaĝo ĝis noktofino, Céline/LeQuint-Le Puil** | 24,00€ |

La KancerKliniko
*Kultura, politika, skandalema, ajnista*

lkk@free.fr

N° 121
Jan/feb/marto 2007

Ĵak Le Puil
"Les Cocherats"
F-18210 Thaumiers

CPPAP 1007K82202

tel. (0)2 48 61 81 98
(ne antaŭ la 11-a matene, dankon!)

**Abono: 22 €**
(ekde 14 € fakte)
4 n-roj + La Krom

**Pago**: Jacques Le Puil
pĉk 12 729 73 x Paris
IBAN: FR80 3004 1000 0112 7297 3x02 063
BIC: PSSTFRPPPAR
aŭ tra geperantoj
aŭ UEA: klik-g

**Nia memoraĵisto kaj kovrilpaĝisto:**
**Laŭrenco Septier**
BP 174
F-13444 Marseille
Cantini cedex

**Kunlaborantoj**

**Laŭrenco Septier**
**Ĵak Le Puil**
**Michel Duc Goninaz**
**Kurisu Kei**
**Mao Zifu**
**Manuel de Seabra**
**Christian Rivière**
**Arnau**
**Peter Browne**
**Ŝarlerik d'Arroi**
**Serge Sire**
**Rava Ŝoljak**
**Gennadij Turkov**
**Fra Gaeta**
**Gunnar Gällmo**
**Armela**



# LKK, la nesubmergebla zageto

Kial tiu titolo? Ĉar ĝi plaĉas al mi kaj povus iĝi nia nova reklamslogano.. Kaj ne forgesu, ke ni nun estas en nia 31a jaro kaj tute ne emas aldoniĝi al la nomoj, kiuj legeblas sur la steleo de nia pasinta kovrilpaĝo! Ja nia gazetaro estas en krizo. Kaj same okazas en niaj "riĉaj" landoj; mi ĵus aŭdis ĉe radio-elsendo virinon deklari, ke pro malaltigo de sia aĉetpovo ŝi nun malpli ofte faras vojaĝojn kaj... devis nuligi abonojn al gazetoj!

Saluton al niaj novaj kunlaborantoj, Christian Rivière kaj Gunnar Gällmo. Nia memoraĵisto Laŭrenco Septier ĉi-foje liveris la ajnistan kovrilpaĝon, sed Serge Sire ne forgesis nin, eĉ recenzon li faris! Arnau iom pigras, sed tion li mem konfesas, do...

Post niaj desegnistoj, retrovu la taglibron de MDG kaj eksciu pri la japanaj laborantaj popolanoj, dank' al Kurisu Kei. Mao Zifu ploras la mortojn de W. Auld kaj de sia panjo per emociplenaj poemoj. Manuel de Seabra ne plorigas nin pri tranĉitaj kapoj... Christian Rivière ŝatas nek la (eks)papon nek Sarkozy-on (la ontan respublikprezidanton?), Peter Browne kondukas nin en NovMeksikion kaj Ŝarlerik d'Arroi en Tahition.

Jen LKK-bis kun multaj komunikoj kaj pokaj gazetoj... Leteroj de legantoj, librorecenzoj kaj la sensaciaj raportoj de Rava Ŝoljak! Gennadij Turkov plu tradukas Basyô-n, Le Puil renovigas sian repertuaron kaj Manuel de Seabra nun sciencfikciumas. Iom da Io ajn kaj de informoj pri la taŭrbataloj, la paĝo de Fra Gaeta kaj mirinda teksto de 1827 en traduko de Gunnar Gällmo. Bonan legadon kaj ĝis novaj aventuroj!

*Ĵak Le Puil*

## Enhavo



# La Kuracoservo

*Ĵak Le Puil*

**"Kiam oni klaĉas pri mi** malantaŭ mia dorso, oni parolas al mia pugo!" Jen plej trafa diro de la nova respondeculino de la Verduloj en Francio. Kutime niaj francaj verduloj aŭ interbatalas aŭ flataĉas la respondeculojn de la socialista partio por obteni distriktojn, kie ili povas esperi havi deputiton. Ĉu fine unu el ili montros sian pugon al la kutimaj intrigantoj?!!!

***

**Mi proponas, ke la deputitoj perlaboru la minimuman salajron**, tiel mi certas, ke ili tuj revalorigos ĝin! deklaris Olivier Besancenot, iu el la trockistaj kandidatoj – ja en Francio tiaj kandidatoj ankoraŭ ekzistas – kiu havas humursenton! Do ni ne tro timu, ke siavice li iam starigu "ruĝan armeon"!

***

**Masoĥisto!** La sekretario de la franca socialista partio deklaris: "mi ne ŝatas la riĉulojn". Kelka tempo post tiu deklaro, ni eksciis ke tamen li pagas specialan imposton pro riĉeco! Cetere imposto kreita de liaj amikoj. Do mi kompatas tiun ulon, kiu ne ŝatas sin mem. Krom se li estas masoĥisto, kaj en tiu kazo mi esperas ke li pli kaj pli enspezos kaj konos ĉiumomentan ekstazon!

***

**La 35hora laborsemajno** kulpas pri ĉio por niaj karaj dekstruloj. La francoj ne sufiĉe laboras! Ja efektive tion opinias pluraj milionoj da homoj, kiuj ne havas laboron kaj vivas nur dank' al mizeraj monatribuoj kaj al karitataj movadoj.

Kaj el tiuj 4/5 milionoj da senlaboruloj parto voĉdonos por la dekstra kandidato, parto por la faŝista, parto por la trockistaj, por la verdaj, por la ktpoaj, kaj kompreneble por la socialista... kiu promesas (!) dividi per du la nombron de senlaboruloj... Ĉiel do pluraj milionoj el tiuj homoj estos kokritaj! Sed, kiel pri la hazardludoj, multaj certas, ke gajnos ili...

"Neniam voĉdonu!" hurliskantis Léo Ferré. Mi aldonus: "Neniam voĉdonu por kandidatoj, kiuj rigardas normala la fakton, ke milionoj da homoj ne havas laboron!

***

**En la Unuiĝintaj Arabaj Emirlandoj** ne svarmas senlaboruloj! La enmigrintaj laboristoj reprezentas 90% de la 1,7 milionoj da laboristoj de la privata sektoro.

Sed, sed, sed... en 2004, 880 el ili mortis en la multnombraj konstruejoj de la lando.

Por malpliigi tiun nombron, la Emirlandoj nomumis 80 inspektorojn por kontroli ... 200.000 societojn, kiuj venigas kaj dungas la elmigrintajn laboristojn.

Ja, la laborkondiĉoj de la laboristoj ne estas la ĉefa zorgo de la Emirlandoj, kiuj pli interesiĝas pri rapida konstruado de palacoj, de "modernaj" domblokoj kaj komercaj centroj (el kiuj la plej granda en la mondo, kun surfaco de 400.000 kvadrataj metroj), por kontentigi la lokajn miliardulojn kiuj soifas investadon. Ĉio ĉi necesigas laboristaron. La laboristoj venas ĉefe el Azio: ili havas nek socialajn asekurojn, nek rajtojn kaj perlaboras meznombre po 123 eŭrojn monate. Kelkaj preferas sin mortigi. Jen la paradizo de ultraliberalismo...

***

**Dio perdas klientojn**. Laŭ ĵus aperinta sondado, nur 52% de la francaj katolikoj kredas je dio. Do 48% aŭ ne kredas je dio (7%), aŭ havas fortan dubon pri ĝia ekzisto (10%), aŭ ne scias ĉu ĝi ekzistas (31%). Tamen tiuj homoj daŭre sin deklaras katolikoj! Imagu esperantistojn, kiuj deklarus: mi ne kredas je Esperanto, mi havas fortan dubon pri la ekzisto de Esperanto aŭ, mi ne scias ĉu Esperanto ekzistas! Al tiuj esperantistoj oni povus konsili transiri al Ido, Interlingua, Interlingue aŭ Volapuko... Sed kion konsili al tiuj kompatindaj katolikoj, kiuj ne kredas je dio? Kredi je diablo? Ja "stus pli facile laŭ la spektaklo de ĉiuj militoj en Afriko, Azio kaj Sud-Ameriko, laŭ la spektaklo de malsato en multaj regionoj, laŭ la spektaklo de landoj sub la jugo de frenezaj diktatoroj, kiel en Norda Koreio ekzemple, laŭ la spektaklo de tertremoj, tajfunoj kaj aliaj tempestoj, laŭ la spektaklo de miloj da homoj, kiuj mortas pro aidoso, paludismo aŭ ĉiaj kanceroj, pro la spektaklo de rasistoj, huliganoj, kretenoj, mafianoj, stukaĉoj, anoreksiaj manekenoj, ĵurnalistaĉoj, kontraŭfumantoj, pseŭdoartistoj, toreistoj, heroinprovizistoj, torturistoj, prostituistoj, kaj malamikoj de katoj!

Kredi, kredi, ĉefe je kredi.. tkarto jen la nova Kredo!

## El mia Persona Imuniga Vortaro

**CENTRULO.** Politikisto, kiu malamas la ekstremistojn, sed ne povas sin difini alimaniere, ol per sia samdistanca situo rilate al ili, kaj tiel demonstras sian propran neekziston.
**CIVILULO.** Homo, kiu dum milito sendas al pereo sur batalkampoj siajn fratojn, edzojn, filojn k.a. kaj postulas por si la protekton de la Ĝeneva Konvencio.



**Michel Duc Goninaz**

## El la taglibro de nekuracebla optimisto (sekvo)

***Michel Duc Goninaz***

**Decembro 2006.** La publikigo de mia taglibro havas nur feliĉigajn konsekvencojn. En la antaŭa *LKK* mi menciis la morton de Marek Grechuta. Kelkajn tagojn poste mi ricevis de pola amiko KD-on kun la enhavo de la iama disko *Korowód* plus kelkaj aliaĵoj. Mi povas ĝin aŭskulti ĉiutage kaj kredi min en 1971. Ĉu ne belas la vivo?

Aludinte la francan poeton-kantiston Pierre Perret, mi ricevis de fidela leganto la jenan opinion : "Mi mem povas diri, ke foje li havas "dubajn" sintenojn... ". Mi ne bone komprenis la signifon de la citiloj, sed la informo estas ĝojiga. Mi malestimas nur la homojn sendubajn (sen citiloj).

**Januaro 2007.** Mi verŝajne tedis la legantojn de *LKK* per mia socilingvistika leciono "pri la uzo de la vortoj *aprobi, kondamni* ktp". Sed ankaŭ ĝi montriĝis utila. La Irakaj regantoj, kiuj certe legis ĝin, timis, ke mi nomos ilin stultuloj en la posta numero, se ili eldiros kondamnon sen plenumi la verdikton. Ili do ekzekutis sian eks-ŝtatestron. Iu grava reprezentanto de iu neekzistanta, senkonstitucia "Eŭropo", al kiu tiu spektaĵo ŝajnis netolerebla barbaraĵo (la Eŭropanoj havas de pluraj jarcentoj la ĉarman kutimon civilizi la ceteran mondon), esprimis firman kondamnon de tiu ekzekuto. La Irakaj regantoj siavice kondamnis la netolereblan enmiksiĝon de la Eŭropano en la aferojn de la suverena (ne ridu!) Irako. Resume, ili sukcesis eldiri kondamnon de la kondamno de kondamno, kaj tiel brile ilustris mian iom tro abstraktan lecionon.

**Kaj mi kantas plu...**

Tuj kiam mi ricevis la 120-an numeron de LKK, mi ekkantis :

"Vivu la, vivu la, vivu la stel', vivu la verda stel'!"

Efektive, ne necesis malfermi tiun numeron por ĝui ĝian humuron. Sire, aŭtoro de la kovrilpaĝo (laŭ la fidinda "Enhavo"), lerte satiris la verdan manion pri datrevenoj, jubileoj kaj diversaj centjariĝoj. Krome, metinte en la buŝon de unu individuo (mi kredis rekoni Fidelon Kastro, la faman "soldaton de Esperanto") la pronomon "ni", li liveris unu bonan ekzemplon por ilustri mian estontan, delonge promesitan, lecionon pri "la danĝera sekto de la *ni*-uzantoj". Kaj, por kroni la tutan ŝercon, li asertis, ke ĉiuj esperantistaj gazetoj devus pluvivi. Tio estas evidenta humuraĵo, ĉar, kiam Sire esprimas sin serioze, li skribas (*La Sago*, dec. 2006, p. 6) : "ĉu indas subteni ion ajn, nur pro la fakto, ke temas pri Esperanto?" kaj respondas nee al tiu retorika demando. Cetere, iu ajn cerbohava ulo dirus, ke malaperis tiuj gazetoj, kiuj meritis malaperi, kaj eble korektus tiun iom krudan aserton per la saĝa precizigo : "sed ne malaperis ĉiuj, kiuj meritas malaperi". Sed en la ajnista revuo oni povas diri la malon! Estas vere, ke la aŭtoro de la kovrilpaĝaj deklaroj evitis uzi la radikon *merit*, kiu laŭsperte povas kaŭzi malagrablajn polemikojn en *LKK*. Sed tiu *merit* estas tiel diafane videbla, ke oni ja legas : "ĉiuj esperantistaj gazetoj meritas vivi, ĉar ili estas esperantistaj". Ili havas tiun ontologian, metafizikan rajton, kaj la esperantistoj ekzistas por ilin ne devige legi, sed nepre aboni, subvencii kaj subteni, resume : certigi ilian vivon. Mi malofte legis tiel senkompatan satiron de la esperantista patriotismo.

Sed kiam mi malfermis tiun numeron ĉe la paĝo 19, mi konstatis, ke mirakle (aŭ, dirite pli racie : ial) reaperis la rubriko "leteroj" . Kaj, leginte la unuajn liniojn, mi ekkantis :

Si je publie des noms, combien de Pénélopes
Passeront illico pour de fieffées salopes,
Combien de bons amis me r'gard'ront de travers,
Combien je recevrai de coups de revolver!

Kun pardonpeto pro tio, ke mi fojfoje kantas franclingve, mi provos komprenigi tiun Brassens-an (1) strofon al la malfeliĉuloj, kiuj ne regas la francan (kun plia pardonpeto pro la malperfekteco de la adapto) :

Se nomojn citos mi, multaj netuŝuminoj
akiros famon tuj de spertaj Mesalinoj.
Amikoj bonaj min rigardos kun malŝat'
kaj kugloj el pistol' min trafos sen kompat'!

Same kiel Brassens, vi kaj mi, Gbeglo Koffi prudente ne publikigas la nomojn de siaj seksaj partneroj. Sed iu Mbelgiji bila jina (do la letero ne estas anonima, kiel asertis la anonima Redakcio, eĉ se ĝia aŭtoro estas versajne malfacile identigebla) decidis liveri al la legantoj de *LKK* informojn pri la seksa aktivado de unu el la 45 membroj de la Akademio (*ni* atendas la sekvon!). Sen la permeso de la koncernato, kompreneble. Sen referencoj pri la fonto de la informo. Sen pruvaj dokumentoj (ekzemple fotoj ks). Eĉ sen detaloj pri en kiuj pozicioj ktp. Kaj precipe kun absoluta prisilentado pri la partner(in)oj. Nur unu informero pri la loko : en la lando de la skribinto, t.e. en Belgujo laŭ la anonima Redakcio. Bonvolu ne ridi : la belgaj anekdotoj ja ne kongruas kun la *political correctness*. Resume, Gbeglo Koffi fikas en Belgujo (feliĉe kun la trankviliga precizigo "inkluzive", t.e. "ne nur"!), sed kun hom(in)oj nedifinitaj, svagaj, fantomecaj, apenaŭ ekzistantaj — kiel, cetere, decas al viro (*cosi fan tutti*) (2), ĉar, laŭ iu formo de logiko (kiun mi nomus virina, se mi estus mizogino), ĉiuj viroj estas malfidelaj kaj ĉiuj virinoj fidelaj. La sola spuro de ombro de ekzisto de la apenaŭ aluditaj partnerinoj estas iliaj piĉoj. Koffi ne amoris kun virinoj, sed "ĝuis junajn, blankajn piĉojn". Oni devas kompreni, ke la aluditaj fantominoj havas nek aliajn erotogenajn zonojn nek aliajn voluptigajn orificojn, kaj precipe ili malhavas la ĉefan erotikan organon, la cerbon. Ili estas nur piĉoj. Mi ne volas subtaksi la valoron de tiu anatomiaĵo, sed vere, nur piĉoj... — tio ne instigas min skribi al la Turisma Oficejo de Gento (Dienst Toerisme, Belfortstraat 9) por organizi vojaĝon tien. Des pli, ke diference de Gbeglo Koffi, UEA-estrarano en la epoko de la delikto, mi ne povas esti en adultaj rilatoj kun junesko. Oni povas krome dedukti el tiu bel(e)ga teksto, ke la belgaj rasistoj iom modifis sian retorikon : anstataŭ emfazi la nigrecon de la Afrikano, ili substrekas la blankecon de la belgaj piĉoj. Pli subtile, ĉu ne? Tiun lilian blankecon certe kontestus Charles Baudelaire (Bodlero), sed li ne plu povas aldoni novan ĉapitron al sia mirinda verko *Pauvre Belgique* (Kompatinda Belgujo), kiu belgdaŭrinde ankoraŭ ne estas legebla, aŭ belgebla, en esperantlingva traduko.

La Redakcio asertis : "tiu letero ŝajnas al ni [al *ni*! Kiom ili estas tie?) tute ne ofenda". Oni rajtas sin demandi, ĉu ĝi (t.e. "ili") ne kulpas iomete pro bonkora naiveco. Eble mi estas hodiaŭ mishumora, sed, post zorga analizo de la teksto, mi ne opinias la intencon de la skribinto tre honesta. Malkapabla defendi aŭ kritikii ideojn, li aŭ ŝi faras atakon *ad hominem* (3), kiel kelkaj aliaj fiuloj en Esperantujo. En normala lingvaĵo mi nomus lin aŭ ŝin surkraĉinda klaĉulo aŭ stinka stukaĉo, kiu krome misuzas *LKK*-on por kontrabande propagandi la senseksan turismon (kaj eble eĉ la senalkoholan vodkon), kaj kiu meritas la justan sorton de la denuncistoj. Tre dezirindas, ke la sovaĝa Togolandano estu malsata kanibalo kaj renkontu la misteran kaj mislumaн Mbelgiji Kotopo en dezerta angulo de Ardena arbaro. Li povus ankaŭ, laŭ pli eŭropaj moroj, procesi kontraŭ *LKK*. Por tio ekzistas sufiĉe serioza motivo. Sed mi ne favoras tiun solvon, ĉar *LKK* meritas vivi. Tamen.

--------------------

(1) Georges Brassens (1921-1981), poeto-komponisto-kantisto, giganto de la franclingva kanzonarto.

(2) itale : "tiel agas ĉiuj viroj", modifo de la titolo de la Mozarta opero "Cosi fan tutte" ("tiel agas ĉiuj virinoj").

(3) latine : al la homo (argumento ne kontraŭ opinioj, sed kontraŭ la persono).

*Kurisu Kei*

# Marta

*Marta* estas romano de pola verkistino Eliza Orzeszkowa (1841-1910), bone konata inter ni esperantistoj pro tio, ke Zamenhof ĝin esp-igis jam en 1909. Laŭ la biografia noto de la pola originalo aperinta en 1957 ĉe la varsovia eldonejo Czytelnik (Leganto), kiun mi havas ĉe mi, ĝi estis serie publikigita en 1873 en semajna gazeto "Mód i Powieści (Modo kaj Romano)" ekde la n-ro de la 22-a de februaro ĝis la n-ro de 12 julio kaj estis samjare eldonita libroforme. Ĉi tio signifas, ke ĝi estas tre malnova romano, ĉar ekzemple en 1873 Japanio apenaŭ ekmoderniĝis (nur ses jarojn antaŭe okazis tie revolucio, kiu starigis duonfeŭdan-duonkapitalistan reĝimon anstataŭ plene feŭda).

Antaŭ la dua mondmilito ĝi estis japanigita el la esp-a traduko kaj fariĝis populara kaj eĉ helpis apenaŭ ĝermigintan virin-liberigan movadon, ĉar tiam en Japanio ankoraŭ ne ekzistis sistemo de soci-asekuro samkiel en Pollando, kiam vivis Marta, por ne paroli pri balotrajtoj de virinoj. Ĝi populariĝis tiom, ke TASAKA Tomotaka, tiam bone konata filmreĝisoro, filmigis ĝin kun TAKIHANA Hisako, tiama filmstelulino, kiel japana Marta.

La tempo pasis, Ni transvivis la duan mondmiliton. Nun estas jam 2007, kio signifas, ke jam forpasis eĉ 62 jaroj depost la japanaj imperiistoj kapitulacis perdinte la invadmiliton, kiun ili lanĉis kontraŭ Ĉinio kaj kiu neeviteble transformiĝis en militon ĉefe kontraŭ Usono. Dank' al tio tamen Japanio demokratiiĝis tiagrade, ke ĝi povas eĉ fieri havante la Novan Konstitucion, kies artikolo 9-a malpermesas militi. Sed la japanaj imperiistoj ne formortis; ili nur dormis atendante la tempon por revekiĝo kaj reagado. Kaj malgraŭ tio, ke ili siatempe militis kontraŭ Usono, ili intertempe degeneris en lakeojn de Usono nur por pluvivi kaj prosperi sub ĝia protekto.. Nun por ili fariĝis tiu 9-a artikolo grava malhelpo por plibone plenumi la rolon de usonaj lakeoj. Jen kial ili tutforte strebas por aboli ĝin. Pro la milito preskaŭ tuta Japanio transformiĝis en ruinojn, sed la japana popolo entute diligente laboris por ĝin rekonstrui, tiel ke nun ĝi estas ekonomie la dua post Usono.

Sed ĉu la japanaj laborantaj popolanoj ĝuas tion? Ne tute! Tion pruvas la konsterna fakto, ke ĉiujare en Japanio suicidas ĉ. 30.000 el ili! La kaŭzoj certe estas diversaj, sed la ĉefaj nepre devas esti ekonomiaj: manko de vivrimedoj. Kiam ili estas jam maljunaj, eĉ ankoraŭ mezaĝaj, la kapitalistoj senindulge maldungas ilin sub la eŭfemisma nomo de "restrukturado" , ĉar troviĝas sufiĉe multaj pli-junaj laborantoj por bone anstataŭi ilin. Por la laboruloj tiel maldungitaj estas ege malfacile trovi novan laboron, ĉar ili estas jam tro maljunaj por la novaj dungantoj, kiuj povas facile trovi plijunajn kaj ne malpli kapablajn laborantojn. Nur alte kvalifikitaj laboruloj, ekzemple inĝenieroj k.s. povas eskapi tian sorton, sed ili estas tre malmultaj, preskaŭ esceptaj. Plue ĝis ili rajtos ricevi pension, ankoraŭ restas kelkaj jaroj, ĉar en Japanio nun por ke oni rajtu ricevi pension, oni devas fariĝi 65-jara. Kion do ili faru? Illin atendas la sorto, kiun trafis siatempe Martan en Pollando: suicido! Jen kial en Japanio nun ĉiujare suicidas eĉ, ĉ. 30.000 homoj! Ĉu ekzistas rimedoj por preventi tion? Miaopinie da ili ekzistas almenaŭ du. Unue fari leĝon, kiu mal-permesas tian "restrukturadon". Sed por tio necesas ŝanĝi la nunan reĝimon, kiu ne nur permesas sed eĉ stimulas ĝin. Tamen tio estas afero malfacila, por kiu oni persiste kaj longe batalas. Alia rimedo estas montri la vojon, per kiu laboruloj entute povu eskapi tian "restrukturadon". Sed kiamaniere? Nu, per ĉerpado de instruo el "Marta", nome strebi por laŭeble alte kvalifiki ĝustatempe, antaŭ ol ili troviĝos en senelira situacio kiel siatempe Marta. Jen do *Marta* ne estas romano jam malaktualiĝinta sed ankoraŭ nun tre aktuala almenaŭ en Japanio.

La antaŭmilita japana traduko fare de KIYOMI Rokurô, dramverkisto, fariĝis kun la tempo arkaika tiagrade, ke por la nuntempaj legantoj ĝi estas jam malfacile legebla. Necesas nova traduko. Mi do ŝatus japanigi ĝin, ĉi-foje rekte el la pola originalo komprenoble, helpate de Zamenhofa esp-a traduko.

# funebre al w. auld

*Mao Zifu*

"Jen fluganta poemo, kiu eble akompanis la animon de William Auld dum kelka tempo!... Fakte Mao Zifu sendis ĝin la 20-an de septembro, sed tiam ĝi ne atingis nin. Kaj en decembro, redaktoro de la Orienta Revuo petis permeson aperigi tiun poemon en sia revuo... Mi kompreneble miris kaj kontaktis Mao-n... kiu konfirmis la sendon neniam alvenintan! Sekve de tio mi do miavice petis permeson al la Orienta Revuo aperigi tiun poemon en LKK... De peto al peto, ni komune decidis aperigi ĝin en la du revuoj. Ni opinias, ke niaj legantoj ne grumblos, ĉar ja poemo omaĝe al nia granda poeto meritas esti larĝe diskonigita."

la dek unua de septembro.
plorplena tago por la mondo.
ekfalis la nuboskrapuloj
en nur momento pro pilotoj,
kaj ankaŭ la ĉielskrapulo,
en sekundo,de piloto eksa.
mortigi, morti diferencas
kiel la nokto kaj la tago.
iuj forlasis polvon sed
tiu ĉi spiron del pasio.

somato nulis,tamen semas
solide spermoj vaporiĝaj.
nu, la infana raso kreskas
el unu verda vivo. ili
per unufingraj melodioj
prilarmas al li kaj samtempe
salivas ilin. la humoroj
plumbaj en barko senpilota
trabreĉas la aŭtunon. jen
fenikso la tro ofta flugas
el nukso la granita. fuĝas
ja tempo; la balenodento
estas la fosilio astra.
en urbo de terura nokto
raketas amaj rimleteroj.
nobel envias la rilatojn.

la reĝo venas al vilaĝo
montara ree kun la mastro
del ringoj. min spartako trejnas
por paŝoj al la plenposedo.
dido sur floroj sen kamparo,
mi devojiĝas pro allogo
de la magio. danke al
la montra fingro, dum la noktoj
mi aŭdis birdojn el ibero.
agorde, kantoj de anteo
pulsas al tero de aero.
kun larmoj nuba kaj serena,
tigro stoika kapon klinas
kun la oreloj staraj antaŭ
vi, bill. do diktu lotuslande.

2006/09/19

# omaĝe al Panjo

1928/08/11 - 2006/12/14 laŭ la luna kalendaro

*Mao Zifu*

vi kuŝis jam ne plu korpturne
en ĉerko kiun vi farigis kvindekjara,
kun vestoj kaj ŝuparo kiujn vi aĉetis
ja propramane speciale por somato la glacia.
kaj aĵojn por funebro vi preparis lontatempe
antaŭ foriro, ankaŭ vi mem, inkluzive
la tomboŝtonon! jes, por vi malapero estas
afero nur matena aŭ vespera. sed neniam -
vi ne atendis ke la morto venis ekster
konscio: ho, senila vi demenculino sonĝe
ne havis la parencojn kaj amikojn,
nek lastajn vortojn.
nek veojn
nek ojn
nek on.

fekunda - unu vi: du edzoj kaj gefiloj sep.
feliĉa la travivo, kolorplena:
la edzo plej aminda kun la filo kvara
atendis vin transmonde pli ol kvardek jarojn
kaj la sekvinta kun vi bataladis ĝis finspiro via.
neniam sola, kunportante la idaron,
vi iris ponton kaj boaton stiris -
ĉiujn el unu trunko respektive.
de la vilaĝoj al la urbo vi loĝadis
kaj en montaro kaj ĉe stratanguloj.
neniam lacaj, la manparo kaj piedoj
travadis akvojn kaj vagiris fajrojn.

uniko de vi nefarita:
povado proprabuŝe al la mondo
aŭdigi la sciigon de funebro mema.

ni vivaj ses gefiloj nun deklaras la forpason
de Panjo - sola unu for de la triobla ses da idoj.

Panjo, kun viaj filo kaj karulo
en mondo la alia vivu pace kaj ripoze.
neniu homo legu vian epitafon;
neniu besto intervenu en la sonĝon
sendoloran!

2006/12/24



## Manuel de Seabra

# En Parizo, la 19an de Florealo[1], jaro 2a[2]

Vidu nur, ĉi tiu ploremulino nun fermas la okulojn, la kapo sub la kuseno, singultas, eĉ ne volas vidi la tagon, kiu devus esti ĝoja kaj triumfa, kiam niaj malamikoj, kiuj piedpremis kaj humiligis nin dum la tuta, la tuta vivo, mordas finfine la polvon, lekas la malpurajn ŝtonojn de la placo de la Revolucio kaj, antaŭ ol oni tranĉos iliajn malpurajn kapojn, aŭskultos niajn laŭtajn ridojn, niajn jubilajn ekkriojn. Por mi ĝi estos la plej feliĉa tago de mia vivo, mi neniam pensis ke mi vidus ĝin, ŝajnas mensogo, sed finfine sinjoro de Scarpe pagos pro ĉio kion li kaj lia patro kaj lia avo kaj lia praavo faris al ni, al niaj gepatroj, al niaj geavoj, al niaj gepraavoj. Mi ankoraŭ memoras kiam nia familio devis humile sin treni, mi estis tiam malpura kaj malkombita knabino alkroĉita al la jupo de mia patrino, sekvante mian patron, jes, vian avon, ĝis la domo de la senjoro ĉar ni hungris, la rikolto estis malbona, kun terura sekiĝo, kaj post liveri la duonon al la senjoro, malmulte restis por konservi apartigitaj la murojn de la stomako.

Ni iris tien, nin trenante kiel vermoj, humile, por petegi kompaton. Ili estis ĉiuj en la ĝardeno en festo, tre dandaj, kun muziko, saltante, dancante kaj manĝante bonajn manĝaĵojn, kies nomojn ni eĉ ne konis, kaj kiam ni subite ekaperis ili tre indigniĝis kaj senjoro de Scarpe, furioza, alvokis tuj la servistaron kaj incitis kontraŭ ni la hundojn, kiuj mordis mian patron, kaj ni devis fuĝi ĉar ili povus nin murdi, kiel jam okazis kun via praavo Rafaelo, kiu estis unu tutan semajnon ligita al pilorio sen permeso ricevi trinkaĵojn aŭ manĝaĵojn kaj kiam oni nin permesis lin ricevi, li estis rigidiĝinta, dura, pli mortinta ol la kadavroj, kaj ni devis silenti ĉar al neniu ni povus peti justicon kontraŭ la familio de Scarpe. Kial vi volis ke mi ne iru nun al la korto de la *Conciergerie*[3] vidi kiel oni metas ilin en la bovĉaron kaj ilin portas lante tra la stratoj la tutan vojon, inter la ĝojo kaj la insultoj de la popolo, ĝis la eŝafodo, kie ili pagos pro ĉiuj iliaj krimoj?

Ĉu vi supozas ke mi perdos tian grandan kontenton? Ĉu? Ne, ne, mi iros kune kun la aliaj civitaninoj *tricoteuses*[4], kriante kaj kantante tra la urbo ĝis la *mannaia*[5] ruĝe pentrita, kiu estas antaŭ la *hôtel de Grillon*, kie oni tranĉas la kolon de tiuj krimuloj, kie oni jam senkapigis la Capeto-n kaj la Aŭstrinon[6], kiuj kvankam ili estis la reĝo kaj la reĝino ankaŭ havis tranĉeblan kolon. Ĝi estos jubila momento, kiel okazis ĉiutage dum la lastaj semajnoj, sed hodiaŭ en la ĉaro de la kondamnitoj venos iu persono tre grava por ni. Venos ankaŭ senjoro de Parseval, kiu al ni faris nenion, sed faris al aliaj, kaj finfine senjoro de Scarpe, ke lia animo eterne brulu en la inferoj... Ĉu vi ne volas veni? Ĉu via koro estas tiel tenera, ke vi ne povas vidi suferon? Sed rimarku ke ili ne estis tiel senseblaj kiam ili murdis vian praavon kaj kiam, dum senfinaj jarcentoj, ili suĉis nian sangon. Mi iras, do, adiaŭ, restu tie timigita kun viaj bonaj sentimentoj, ĉar mi ne volas perdi eĉ ereton de la spektaklo. Mi povos krii laŭte mian koleron, mi volas ke senjoro de Scarpe povu klare distingi mian voĉon inter la popolamaso. Ĉar por ni, virinoj, hodiaŭ estas la horo de la venĝo, ĉar ni suferis pli, pli ol la viroj, kaj la horo senpeziĝi alvenis. Mi volas ke miaj krioj alvenu tre klare al la oreloj de senjoro de Scarpe kaj volas trovi bonan lokon, antaŭ la kolonoj, el kie mi povos ĉion klare vidi, kaj kiam la akra *louisette*[7] falos sur la kolon de senjoro de Scarpe, mi povos rigardi lin fikse, vidi la teruron en liaj okuloj kaj mi volas vidi, finfine, lian grimacon kiam la ekzekutisto prenos lian kapon per la hararo kaj montros ĝin al la popolo. Kvankam lastatempe ofte ili ne plu montras la kapojn, ĉar oni ne havas tempon, ili havas tiom da kapoj por tranĉi ke ĉio devas esti farita tre rapide, ŝajnas ke la revolucio decidis sendi al la *louisette*[7] ĉiujn putrindajn nobelojn de Francio[8], finfine ni ne plu hungros, oni komencos esti personoj...

Adiaŭ!... Ploraĉu tie ĉion kion vi volas. La larmoj ne savis vian avon... Nur mankas ke vi kantu la "Pauvre Jacques"[9], ĉu ne?

---

hungri = malsati

[1]Oka monato de la franca respublika kalendaro, la dua de la printempa sezono, de la 20ª aŭ 21ª de Aprilo al la 19ª aŭ 20ª de Majo, laŭ la jaro.
[2] 1784.
[3] Prizono el kie eliris la kontraŭ-revoluciuloj al la gilotino dum la franca revolucio.
[4] Proletaj virinoj kiuj ĉeestis amase ekzekuciojn per la gilotino kun incitaj krioj.
[5] Alia nomo de la "maŝino por senkapigi", t.e. la gilotino.
[6] Ludoviko XVI kaj Marie-Antoinette, reĝo kaj reĝino de Francio senkapigitaj dum la Revolucio.
[7] Alia nomo per kiu la gilotino estis konata. El la nomo de Antoine Louis, la fabrikanto.
[8] Oni kalkulas inter 8 kaj 10 mil la nombro de ekzekutitoj dum la Revolucio.
[9] Sentimentala kanzono verkita de la reĝino Marie-Antoinette.

# L' medalo al l' papo

Hontu pro l' medalo al l' papo
Ideon nian ne honoras
De ĉie voĉoj hue ĥoras
Hontu de l'piedoj ĝis kapo

Papo publike neniomas
Multopo agas eĉ pli inde
Bonkore, malpli soci-blinde
Papo el homaro nur homas

Aborto-malrajton li votas
Libera amo lin ne muzas
Aides' lin predi rifuzas
Nave nur sutanoj erotas

Ne al lia rigor-edeno,
Nek transa ĉiel', prafabela.
Lin, ĉar l'*urbi-orbi* babela
Gratulis pro l' gurdjara beno

Pseŭdo-moralon fie sarkis,
Al okulo movad-ekstera,
Esperanton bigot-aspekta
Fondumo panegire farbis

Malpace tondras l' mondo pia
Sensenulo, infan-soldato
Ĉar premas vin la surogato,
Ne tro kredu je l' bono dia

Galileo al galaksioj
Tralensis ĉu diaĵo sidus
Pri l' medala ŝerc' bone ridus
Tie ne hejmas religioj

Pentu pro l' medalo al l' papo
Laŭdiĝis maltolero lia
Vekiĝas malaprobo nia
Pentu de l' piedoj ĝis kapo

**C.Rivière**

Notoj :

Zamenhofa Fondumo, en 1999, atribuis la Medalon de Toleremo al la papo Johano Paŭlo la IIa, pro la jena merito : *"heroldo de ekumenismo, do de toleremo interreligia, ..."* (intercitile eltiraĵo de la parolado de S^o Zaleski -Zamenhof, prezidanto de la Fondumo, en Florenco okaze de la 91a UK).

Galileo : itala fizikisto, astronomo (1564-1642). Sian tutan vivon, li trovis faktajn okazojn informiĝi pri la eklezia toleremo.

# Sarkofago

## Flash ball

Ĉielo lazurbluas. Bedoj elfloras. Sarkozy demagogas. Ĉio sunas.
Apro gruntas. Sarkozy minacas. Lupo hurlas. Dentojn montras.
Talpo klarvidas. Sarkozy mensogas. Kaprino ovumas. Kato bojas.
Avio forflugas. Sarkozy ĉarteras.
Sarkozy rasistas. Kafo nigras.
Pugo fekas. Sarkozy karĉeras.
Vomas haton. Hato sociklasa.
Vento blovas. Sarko furzas.
Sarko ŝarkas.
Faŝo fuŝas.
Faŝ ! Fi !
Ĉart Karĉ
Lin Lin !

**Christian Rivière**

**Pensetoj**

I

Pli bone futbalo frapa ol armeo pafa
Pli bone amoro sofa ol futbalo trofea
Konklude :
Pli bone amoro sofa ol armeo pafa

II

Decidistoj decidu
Sed l'aliaj ne cedu



# Vizaĝoj de Verakruco



***Peter Browne***



**Ĉapitro 1 –NovMeksikio**

**1. Judeco en NovMeksikia Popolo**

Mi estis fininta la disertacion: jen granda triumfo, sed ankaŭ granda laco. Fakte ĉio en tiu ĉirkaŭaĵo en Lincoln, Nebraska ege lacigis min – psikologie, spirite, fizike, sufiĉis jam la komputoraj ekranoj, sufiĉis jam la mortaj stratoj de la ebenurbo. Plezuro, eĉ et-ere, forestis jam delonge. Alvokis denove la longegaj vojoj al tropiko.

Unua etapo de tiu pilgrimado estis la aŭtobusa vojaĝo de Lincoln ĝis Las Vegas, NovMeksikio, kie instruis mia amiko Majlo tiutempe. La spacoj de suda Kolorado estas dezertaj montaraj etendoj. Jam en Puebla, evidentis ke temas pri alia mondo. En tiu urbo mi ekkonversaciis kun malaltstatura, ĝentilmiena sinjoro proksimume kvindej-jara. Komence ni parolis angle, sed estis turnopunkto al la konversacio en kiu ni ekesprimis nin hispanlingve. Ĝi estas ja signifoplena psikologia turnopunkto signalante ke mia interparolanto jam akceptas min al la sfero de pli familia diskurso: mi jam estas alparolata kiel samlingvano, do membro de la tribo.

Mia interparolanto estis fakte perfekte dulingva, parolis bele ambaŭ lingvojn. Entuziasme li longe priparolis la regionon, la kuriozaĵojn de ties historio kaj etnologio. Plej interesa temo estas tiu pri judeco.

Mia nova amiko asertis ke ties edzino, hispanlingva NovMeksikiano, estas konstateble ido de multaj generacioj de Kaŝjudoj trovintaj rifuĝejon en la malproksimeco de la norda NovMeksikio. Tiuj Judoj sukcesis kaŝi sian originon dum longega tempo, eble kvarcent jaroj. Pro esploroj de la hispana inkvizicio – tiu maŝinego de krueleco kaj rasismo – tiun originon oni kovris per la plej absoluta kaŝateco, eĉ se fakte oni jam volonte akceptis la katolikan religion. Kaj nur dum la lastaj dek jaroj la inkvizicio ekŝajnas sufiĉe for en la tempo, ke oni komencas emerĝi el tiu jarcenta kaŝiteco. Eĉ ĝis laŭmodiĝo: havi judan sangon estas nun motivo de granda fiero. Mia amiko diris ke lia edzino tre bone amikiĝis kun multaj Judoj en Denver prefere ol aliaj naciecoj, pro simileco de kutimoj kaj pensmaniero. Mia interparolanto ŝajnis esti tre serioza kaj klera homo, do mi ne kredas ke temas pri elpensaĵoj. Studo de la historio fakte donas al ĝi kredeblon.

**2. Forfuĝintaj Judoj**

Oni scias ekzemple ke dum iu tempo MeksikUrbo estis plena de forfuĝintaj Judoj, kiuj devis fuĝi aliloken kiam oni starigis inkvizicion en la Nova Mondo. Kio estas mirinda, tamen, estas ke oni gardis la memoron pri sia identeco dum tiom longa tempo, generacio post generacio. Tamen similaĵoj ekzistas en la historio de la homaro. Kaj laŭmodeco ne signifas malveron.

**3. La Monto de l' Estonto (1991)**

Las Vegas, NovMeksikio, troviĝas en valo ĉirkaŭita de la antaŭmontoj de la ĉenaro *Sangre de Cristo*. Pejzaĝoj ja belaj, riĉnuancaj. En la antaŭmontoj fluas riveretoj de abunda, klara, rapida montarakvo. Sub la sorĉo de profundverdaj pinbranĉoj. Tiuj akvoj estas ja malvarmaj.

En Las Vegas tamen ĉefa allogaĵo estas termoakvejoj. Oni povas sidi en la varmo de tiuj naturaj banejoj tre trankvile dum sufiĉe da tempo, mergite ĝismentone, kaj kontempli la klaregan respeguliĝon de arbobranĉoj sur akvoekrano. Ĉirkaŭe ĉiam belas najbaraj montetoj, riveretoj.

Jack kaj Mary, irlanddevenaj Teksasanoj, posedis belan pinlignan kabanon alte sur la monto *El Porvenir* ("La Estonto", "La Futuro") ne malproksime de Las Vegas. Tie la aero estas ege freŝa, saturita je pinarba aromo. En tiu kabano estis ĉiam sufiĉa provizo da vino kaj bonhumoro.

Jack, studento de juro en la Universitato Highlands, estis intelingenta kaj racia homo. Kelkaj liaj kredoj kaj asertoj estus tamen surprizaj por ordinara homo. Ekzemple li tuttrankvile kaj tutnature anoncis sin esti plurfoje vidinta steloŝipojn tie en izolo de la montarherbejoj. Tiuj veturiloj fakte agadis laŭ leĝaro de alia dimensio; laŭvole ili ŝanĝiĝis radikale je grandeco kaj formo. Kelkfoje ili venis ja tre proksimen al la observanto.

En la nokta foreco de tiu kabano, tie sur supra flanko de monto nomita "La estonto", tiaj rakontoj fantastaj ne ŝajnis nepre kiel elpensaĵoj. Tamen menciindas, ke tiujn noktajn observadojn akompanis bona iometo da kanabo.

**4. Spuroj de Sefardeco**

Kiel ŝajne multaj intelektuloj en NovMeksikio tiumomente, Doktoro Dan tre interesiĝis pri la problemo de judeco. "Ĉi-tie ĉiuj ni malnovfamiliaj Hispanoj estas Judoj," li fiere proklamis dum iu sobra konversacio. Definitiva pruvo, laŭ li, troviĝas en kelkaj detaloj rimarkindaj en la religia arkitekturo kaj en lokaj infanaj ludoj kaj kanzonoj. Tie estas evidentaj spuroj de sefardeco. (Kiel nespertulo, mi fakte ne kapablas menciitajn pruvojn prijuĝi).

**5. Rajto je Heredaĵo (1991)**

Doktoro Dan ŝatis min pro tio ke mi, Anglosakso, bone parolis lian denaskan lingvon. Por li tio ja indikas valorojn nekutimajn ĉe mia raso. "Estas tre malmulte da Anglosaksoj kiuj interesiĝas pri nia kultura heredaĵo", li ofte plendis.

La vivosorto de malnovfamiliaj Hispanoj en Nov-Meksikio ne estas komparebla kun tiu de enmigranto al Usono. Por ĉi-lasta, ajnaj malestimo kaj malfacilaĵoj estos eventuale rekompencitaj pro libereco kaj ekonomiaj eblecoj de la nova lando. Alpropriĝi la kutimojn kaj lingvon de la superrega kulturo estos do logika proceso de adaptiĝo, eĉ formo

de dankemo. Male por la novmeksikia hispanlingvano, la Anglosakso estas historie novveninto, fremdulo en la lando. La anglosaksa lingvo kaj kulturo estas altrudaĵo. Pro tio la rajton pri dulingveco oni vigle defendas: lingvo ja estas ĉefa ilo kaj signo de identeco. Novmeksikia dulingveco estas kurioza fenomeno: oni parolas ambaŭ lingvojn laŭ tre rimarkebla maniero kaj ne tre bone toleras ulojn kiuj ne parolas ambaŭ lingvojn laŭ tiu maniero.

**6. Barieroj de identeco**

En Las vegas, NovMeksikio, preskaŭ ĉiuj komprenas la hispanan lingvon, kaj plejmulto parolas ĝin. Tamen oni ne parolas la hispanan kiu estas instruata en usonaj lernejoj. Fakte temas pri la hispana lingvo parolata ie ajn sude de RioBravo. La lingvaĵo de Las Vegas impresis mian orelon kiel stranga, obskura dialekto – kiel la perfekta lingvaĵo por tribo de trogloditoj. Tiu dialekto estas fakte grava signo de identeco: ĝi bone apartigas anon de la tribo kaj de Meksikianoj kaj de gringoj – egale suspektindaj fremduloj. Oni povas esti afabla al tiuj aliuloj en negoco (ekzemple en hotelo, restoracio) – ĉiam, kiam temas pri gajno de mono. Tamen en la efektiva socia vivo de Las vegas, mil subtilaj psikologiaj barieroj tenas ilin for. Tia socio apenaŭ permesas ian trapenetron. Oni nur trovas indan lokon se oni naskiĝis ene de kvindek-kilometra ĉirkaŭaĵo de la urbeto.

**7. Mora de Miaj Memoroj**

La regiono de Mora, ne malproksime de Taos – tiu famkonata artisma kolonio de riĉuloj – estas unu el la plej malriĉaj anguloj en la tuta Usono. Tamen tiu regiono estas ne nur ege interesa, sed ankaŭ ege bela.

Antropologie, Mora prezentas verajn studindaĵojn: tie la homoj gardas kaj flegas folkloron kaj kutimojn el pasintaj jarcentoj. Tiuterene multegon kontribuas malkonfido kaj malŝato al la ekstera mondo. Ne malgravas ankaŭ pezo de la malriĉeco mem.

La loĝantoj de Mora reprezentas diversajn hom-ondojn venantajn el Meksikio dum la lastaj kvin jarcentoj, serĉante kaj trovante rifuĝejon en la nordaj montaroj. Estas facile imagi ke multaj iliaj prapatroj estis banditoj kaj desperadoj en la malnova lando. Malgraŭ la bone pavumita ŝoseo, la pordoj de Mora estas fermitaj kontraŭ la ekstera mondo: ĉiu kontakto kun la Anglosaksoj estas nepre supraĵa, kaj la kripla angla lingvo estas nur porokaza pordeto el la mondo kiu ekzistas nur en iu obskura kaj bizara dialekto de la hispana lingvo. En tiu fermita mondo perforto kaj familiaj ligoj havas onidire superan lokon, kiel ankaŭ la formiĝo de diversaj bandoj kun kaŝita kaj malkaŝita aktiveco. Laŭ mia percepto tipaj loĝantoj de Mora havas karakteron de triamondaj gangsteroj.

La montoj, riveroj kaj valoj de Mora kompareblas kun la plej belaj vidindaĵoj kiujn oni trovas en la Rokara Montaro. Printempe la kristalaj akvoj kuras abunde en la riveroj kaj riveretoj. La musko, kastela tapiŝo, estas profunda kaj mola; ĝi kreskas ja riĉege sur ombroplenaj bordoj, dum ĉirkaŭe gardostaras arboj el alia, tre malnova tempo.

En Mora, konserviĝas loĝejoj el adoboj (ne bakitaj, sunsekigitaj brikoj). Bedaŭrinde, tiaspeca konstru-tekniko rapide malaperas. Piede de la montoj etendiĝas belaj valoj. Tie sukaj herbejoj buntas je sovaĝ-floroj. Brunhaŭtaj vakeroj silente kaj kun fieraj mienoj rajdas sur siaj ĉevaloj en la purpuraj vesperoj.

Riverborde la ombroj, eternaj kaj profundaj. Estas aparta plezuro sidi tie sur musko kaj manĝi spicitajn pecojn da sekigita bovaĵo. La akvofluo sube havas melodion unikan kaj sorĉan.

**8. La Koŝmaro de D-ro Dan (1991)**

Doktoro Dan ja ŝatas drinki, prefere en kompanio de gestudentoj (la plej fidelaj estis Jack kaj Mary desur la monto Estonto). "*Esto es lo nuestro*!" ("Ĉi-tiu estas la niaĵo!") li ofte ebrie elkriis tiurilate. Mi ne facile komprenis kiamaniere la profesoro pri juro povas dediĉi tiom da tempo kaj energio al tia bohemia vivmaniero. Ĉiuokaze tiu areto da festemuloj estis tre eble la plej malferma fenestro en la stagna provinca medio de Las Vegas.

Turmentadis d-ron Dan neforigebla koŝmaro. Dum la vjetnama milito li ĉeestis la pereon de sia amata kaj fidela hundo far malamikaj kugloj. Tio nur pro iu mallerta ago lia: li estis lasinta tiun fidelan amikon iri antaŭen sen la kutima kolĉeno, sciante tamen ke temas pri ege danĝera batalkampo. La kulposento daŭris senĉese tra la jaroj. Forigis ĝin nek la sukcesa profesia kariero, nek multaj noktoj da drinkado en la gaja rondo.

**9. La Tombo de D.H. Lawrence**

La tombo de D.H. Lawrence troviĝas supre sur la flanko de iu monto. Malgranda konstruaĵo – speco de memormuzeo – staras super la cindroj de la granda verkisto, honorigas la surteran ekziston de l' aŭtoro de *La Amanto de Lady Chatterley*. En tiu ejo estas libreto en kiu oni rajtas skribi sian nomon kaj adreson, lasi sian spuron ĉe la ombro de la senmortulo. Foliumante tiun libreton oni rimarkas enskribaĵojn el la plej diversaj mondopartoj, de Aŭstrio ĝis Aŭstralio... tamen tiun vesperon la tuta ĉirkaŭaĵo estis rimarkinde senhoma kaj silenta. Por atingi tiun tombon, oni veturu ĉiam pli alten per meandra sed bone prizorgita tervojo, ĉirkaŭita ambaŭflanke de la sovaĝaj terenoj de la Ranĉo de D.H. Lawrence. Tiu vojo fakte streĉas kaj longas je pluraj kilometroj. Sur la terenoj staras multaj bonodoraj *piñón*-arboj protektitaj de ŝtata leĝo, kiel avertas legendaj afiŝoj laŭlonge de la tuta vojo. Fakte la ranĉo apartenas al la universitato de Albuquerque, ankaŭ en NovMeksikio.

La panoramoj, kiuj prezentis sin el variaj kurbiĝoj kaj diversaj voj-punktoj de tiu mont-flanko, estas la plej bela pejzaĝo kiun mi estas vidinta en mia vivo. La aero estas eksterordinare, treege klara, kristala; la distancoj kiujn povas atingi la okuloj estas vastegaj. Diverskolore kaj multnuance disetendiĝas monto super montoj, mejso super mejso, tavolo super tavolo... ŝajne ĝis senlimeco. Mejso estas speco de monto kun kurioze ebena supraĵo. Tiu fenomeno troviĝas multloke tra NovMeksikio kaj la najbaraj ŝtatoj, sed ĉi tie ili vere impresis min tiel tablo-formaj, kvazaŭ homfaritaj. Tamen, meze de ĉi tiuj belegaj spacegoj, la homo ŝajnas esti nur iu hazarda trapasanto.

Finfine, oni ne povus imagi al si pli bonan ripozejon por la cindroj de homo kiu tiom amis la belecon, en ĉiuj ĝiaj formoj kaj nuancoj. Mi rekomendus viziton al la Ranĉo de D.H. Lawrence ĉe sunsubiro; tiam la beleco de la vidaĵo estas efektive intensa.

(*daŭrigota*)

# Miro

## *Ŝarlerik d'Arroi*

*Moŝto "Miro" unua!*

UN' du tri KVAR, UN' du tri KVAR. Francan uverturon. Tedeumon por Thespecio populneo. Nenio troas por tiu princo. Ĉirkaŭ kelkaj tahitiaj lignoj, etoso ŝvebas kvazaŭ religia. "Mara" (Neonaukleo forstero) ne estos fortranĉata sen grandaj singardoj, tio malbenas. Kiam meblo estas el "Miro", ĝi jes ja estas bela kaj multekosta.

Strange. Laŭ mi, tiu ligno estas sen intereso. Mi kantos al vi la kolorojn de "Puraŭ". Mi deklamos la vejnojn de "Toi" (Alfitonia zizifoides). Mi recitos "Touon" (Kordia subkordata) kaj multajn aliajn. "Pua" (Gagraea berterianae) bela kiel tago.

"Miro" ne meritas sian famecon kiun al ĝi donis ĝia franca nomo, tro rapide donita, en la segejo, kiam la trunko estis dividita. "Rozligno de Oceanio". Tiam ja ĝi montras roznuancajn tonojn. Sed ne daŭre. Oksidiĝo rapide ĝin malfreŝigas. Ĝi fariĝas bruna kaj ja estas trista. Eble regula viŝado per oksalata acido redonus al ĝi koloran brilegon, sed eble ĉiufoje estus sen daŭro. Kaj ĉu merite? Por ĝia defendo, restas ĝia teksturo, densa, agrable laborebla, sed tamen iom seka, kelkafoje rompiĝema. La ligno estas resona. Ĝi ja estas materialo por muzikinstrumenroj kiel Toere (tamburoj). Sufiĉas vidi kiel energie la muzikistoj ĝin frapas, por kompreni ke tiu perkuta muzikilo bezonas sonoran materialon, jes ja, kaj plie tre solida. Kaj prave tradicio elektis "Miron" por elteni la frapojn je batilo el "Aito" (Kasuarina ekuisetifolia), fera arbo, uzita ankaŭ por arĉetoj de violonoj.

Granda malfeliĉo ŝarĝas tiun arbon. Ĝi suferas insultojn far la homoj kiuj elŝiras ĝian ŝelon, dumanplene. Kaj kial senŝeligi tiom belan arbon? Por glori panaceon, "magia Triksinia pulvoro"? Por rimedoj bonfamaj de maljuna sorĉistino?

Mi ne spitas la medicinan ĥemion de la plantoj. Mi zorge kultivas kelidonion, herbo kontraŭ verukoj, por junulo el miaj konatoj. Sed oni ne flegu gravajn malsanojn per ŝelo de "Miro". Oni uzis tion kontraŭ angino (necesas scii ke RAA 'Reŭmatismo Artika Akra' mortigas infanojn en Tahitio, ĉiujare), kontraŭ urinaj kalkulusoj, kontraŭ fibromoj kaj diversaj tumoroj, por ekstera kuracado de aborto, kontraŭ kapdoloroj, kontraŭ infektitaj vundoj, limfamgiito, leŭkoreoj kun nervaj perturboj. Ĉu vi scias kial "Miro" ne flegas piedfingrokalojn? Hi hi! La Tahitianoj metas ŝuojn nur dimanĉe, preĝejen.

Tamen kontraŭleĝa praktikado de medicino kutime sendas en malliberejon. Kaj paĝo 46-a, Pétard (ankoraŭ 1912; ĉiam kretenis ĝis 1980) ja skribis por tia kuracado de tumoroj, kanceraj aŭ ne!

Tio preskaŭ kolerigus min. Jes ja.

Kaj vere, kiam oni vidas trunkon de "Amae" (alia tahitia nomo de "Miro") diametre unumetran, se neniun tabulon donas la segejo, ja tristas. Mi vidis plategojn de "Miro" disboritajn de truoj kiel pugno, de nekrozoj pro akvo, mikozoj aŭ insektoj, kiam ŝelo estis forŝirita... Trunko dikiĝis, ŝelo enigis la vundon. Ruiniĝo enas.

*Rekviemon por Moŝto Miro 1-a.*

# Infantravivaĵoj

## *aŭtobiografia rakonto*



**Armela LeQuint**

... la lingvouzo de la aŭtoro, jam konata pro sia traduklaboro pri diversaj gravaj verkoj, estas nepriproĉebla.... se vi volas malkaŝe konfronti la realon de la vivo, la libro estas rekomendenda.

**Donald Broadribb, Monato**

Pro ĝia mallongeco, ĝiaj lingvaj kvalitoj, pro la inteligenta kaj interesa rakonto kion ĝi enhavas, ankaŭ pro ĝia malalta prezo, mi prognozas la sukceson de tiu ĉi libreto en niaj kluboj.

**EdZ, La Gazeto**

Tiu ĉi kruda dokumento revenigis min al propra infanaĝo en sama epoko, en familia cirkonstancaro ne aparte feliĉa sed certe malpli tragedia. Dankon al Armela mem pro sia atestaĵo, kiu supozeble estas, en Esp-o, la ununura tiaspeca.

**Kribo, Laŭte!**

Tre interesa rakonto de infanaj travivaĵoj, de maldorlotita infano, naskiĝinta en Normandio dum la dua mondmilito...

**CNM, Le Monde de l'Espéranto**

La rakonto apartiĝas de aliaj, kvazaŭ la vortoj estas pli densaj, la frazoj pli plenaj. Kun koncizaj frazoj, trafaj vortoj en flua rakonto, la stilo belas.

**Marielen' Deser', La Sago**

Estas des pli facile legi la tutan verkon senhalte, ke la stilo fluas pro la simpleco de la strukturo de la propozicioj. Foje la frazoj ne kompletas same kiel en parolado. "La monero en mia poŝo, ne plu". Mi povis preskaŭ aŭdi la voĉon de Armela konfidi al mi siajn travivaĵojn.

**Franciska Toubale, Laŭte!**

... Kiel Armela tamen sukcesis restarigi la rilaton kun sia patrino estas unu el la plej memorindaj okazaĵoj en la libro.

**Anna Löwenstein, Esperanto**

# LKK-bis

## Komunikoj

**Jen masoĥista reklamo, post la ĵus aperinta nova eldono de *Knedu min, Sinjorino!***

**Sakraĵ-konkurso!**

Norvega Junularo Esperantisto (NJE) havas la ĝojon inviti vin - sendepende de aĝo kaj lando - partopreni en sakraĵ-konkurso!

Laŭ nia impreso homoj tre malofte sakras en esperanto, multe malpli ofte ol en naciaj lingvoj. Kial? Ĉu ĉar esperantistoj ne estas sakremaj aŭ ĉu pro limigita vortprovizo? Ĉiukaze, ni ŝatus kreskigi la fivortprovizon de esperanto kaj tial invitas vin ĉiuj sendi al ni kiel eble plej trafajn, vulgarajn, ofendajn kaj originalajn fivortojn. Uzu vian fantazion aŭ traduku de alia lingvo. Nur unu kondiĉo: La vortoj ne ataku unuopulojn.

La juĝkomisiono konsistos el Jardar Eggesbø Abrahamsen (prezidanto de Norvega Esperantista Ligo kaj doktoro pri lingvistiko), Otto Prytz (akademiano kaj devene el la norda, plej sakrema parto de Norvegio) kaj Heming Welde Thorbjørnsen (prezidinto de TEJO).

La unua premio estos 5 k-diskoj de Vinilkosmo. La dua kaj tria premioj konsistos el du kaj unu kd-oj respektive. Sendu viajn kontribuaĵojn plej malfrue la 1 de aprilo 2007 al <nje@esperanto.no> aŭ al NJE, Olaf Schous vei 18, NO-0572 OSLO, Norvegio.

NJE-estraranoj kaj anoj de la juĝkomisiono kaj iliaj familianoj kaj karaj povas partopreni sed ne gajni. Ni metos ĉiujn proponitajn vortojn kaj informojn pri kiuj gajnis en nia retejo www.esperanto.no/nje komence de majo 2007. Ni suspektas ke oni sakras tre malsimile en malsamaj lokoj, do ni esperas ricevi fivortojn de multaj partoj de la mondo!

**Sveda esperantisto Bertilo Wennergren**, loĝanta nun en Koreio, estas proklamita kiel la Esperantisto de la Jaro 2006 pro la "Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko" (PMEG).

Intervjuo kun Bertilo Wennergren aperos en la januara kajero de "La Ondo de Esperanto".

**En Pisa la 74a Itala Kongreso de Esperanto.** Europo: multaj lingvoj por komuna lando. Pisa, 2007.09.01-06.

La temo de la Kongreso estas Europo, verŝajne la lando en la mondo kun pli da oficialaj lingvoj (21). Krom la diskuto pri la Kongresa temo, estas planataj ampleksaj seminarioj. La organiza parto de la kongreso (inaŭguro, asocia asembleo, voĉdonoj) estos koncentrita inter sabato kaj dimanĉo, dum lundo kaj mardo estos rezervitaj por la menciitaj seminarioj. Krome, en la vesperoj oni planas organizi spektaklojn, malfermitajn al la tuta urbo.

Pli detalajn informojn oni trovos regule en la retpaĝaro <www.esperanto.it/html/fei/kongreso.htm>

**15-a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo**. Ĝi okazos en Tossa de Mar (Girona), Katalunio, en Hotelo Park Hotel, Str. Giverola 4, *de la 29-a de septembro ĝis la 6-a de oktobro 2007*. Koresponda adreso: Luis Serrano Pérez, Apartat 423, ES-08200 Sabadell, tél. (+34) 93 727 50 21, Retadreso: luis_serrano@mixmail.com, http://personales.ya.com/semajno

**Literatura konkurso "Liro-2006"** "La Ondo de Esperanto". La organizanto ricevis ĉi-jare 38 konkursaĵojn de 21 aŭtoroj el 16 landoj.
Originala prozo: Katarzyna Tempczyk (Pollando) pro "Kiamaniere mi venkis beleckonkurson, aŭ kiujn sukcesojn ofertas la malsukcesaj planlingvoj".
Originala poezio: Dimitrije Janičić (Serbio) pro "Matene".
Traduka poezio: Klara Ilutoviĉ (Ruslando) pro "La desegnaĵo" de Agnija Barto.
Traduka prozo: Edmund Grimley-Evans (Britio) pro "Diagnozo de morto" de Ambrose Bierce.

**OSIEK-premio 2006**. Ĝin ricevis André Cherpillod pro *Konciza etimologia vortaro*. Informoj: La Gazeto FR-55210 Creuë, http://osiek.org

**La 31a IJF en Friulo-Venecio Julia de la 5a ĝis la 10a de aprilo 2007**. En Lignano Sabbiadoro, ĉe Adriatika maro, oni solene festos la 120 jarojn de Eo. Nia Festivalo estas unu el la plej ŝatataj junularaj renkontiĝoj en la tuta Eŭropo. Ĉiu-jare IEJ elektas temon por la Festivalo, pri kiu oni prelegas, diskutrondas, laborgrupas. Dumtage oni povas elekti kursojn pri dancado, memdefendo, ktp. Okazos kursoj pri la itala kaj pri Eo, por komencantoj kaj progresintoj. Dum la vespera programo ofte okazas koncerto, teatraĵo, internacia vespero, dumnokta promenado en la urbo, ktp. Funkcias dum la tuta nokto la trinkejo, la dancejo kaj la gufujo.

. Alighu rekte: <http://iej.esperanto.it/ijf/2007> au skribu al <ijf.admin@esperanto.it>
Nicola Ruggiero IJF-administranto

**Jubilea Internacia Ekspozicio "Samarkando en Ĉiuj Kontinentoj":** Viaj Kontribuoj Atendataj.

En aŭgusto 2007 urbo Samarkando oficiale kaj solene festos sian 2750-jariĝon subaŭspicie de UNESKO. Por celebri la gloran jubileon de la mondfama urbo, la Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro kaj loka E-klubo kolektas diversspecajn kaj ĉiulingvajn materialojn (gratulleterojn, vojaĝrakontojn, gazetartikolojn, librojn, broŝurojn, poemojn, kantojn, citaĵojn, fotojn, desegnaĵojn, dokumentojn ktp) pri Samarkando kaj samarkandanoj. ĈIO ajn pri la temo, inkluzive fotojn kaj/aŭ informojn pri la hoteloj, restoracioj, vendejoj, stratoj, komunumoj, firmaoj, varoj, librotitoloj, artaĵoj ktp portantaj la nomon "Samarkand" aŭ simile (eĉ viaj propraj eltrovaĵoj en Interreto!) estos TRE bonvenaj.

La projekto estas realigata kunlabore kun la Samarkandaj Ŝtataj Muzeoj. La plej interesajn materialojn ni publikigos en nialanda gazetaro. Ĉiuj ricevitaj kontribuaĵoj estos agnoskitaj kaj eksponataj en la internacia ekspozicio en Samarkanda Ŝtata Muzeo pri Historio de Kulturo kaj Artoj de Uzbekistano. Estas ankaŭ planate eldoni specialan jubilean libron. Anticipajn dankojn por via kunlaboro kaj afabla subteno.

Bonvolu adresi viajn kontribuojn laŭeble baldaŭ al: Anatoli Ionesov, Direktoro Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro P.O. Box 76, UZ - 140100 Samarkand Respubliko Uzbekistano Tel/fakso: +998 (66) 233 17 53.
http://www.aliaflanko.de/urbo/samarkand/muzeo.html
Retadreso: <imps86@yahoo.com>
Represo kaj nacilingvaj tradukoj dezirataj. Bonvolu, se eble, pludoni informojn pri tiu ĉi projekto al viaj amikoj kaj kolegoj.

# Gazetoj

**La Gazeto**, numero 128. Trafa artikolo de Eugène de Zilah pri la iam reeldonota romano de Henri Vallienne "Kastelo de Prelongo". Li ne hezitas draŝi la paron Varinghjeno/Kaloĉajo, kiu siatempe anatemis tiun romanon. Destatuigado de idoloj foje necesas...

**Laŭte!**, n-ro 187. Nia amiko Kribo bele reklamas pri la nova eldono de *Knedu min, Sinjorino!* Leginda artikolo de Ljo pri la multnombraj budhistaj sektoj, i.a. pri iu konata bonzo kiu diras ke "ekzekuto al la (narkota, halucina) drogo-vendisto tute ne estas krima, estas same kiel mortigi freneziĝintan hundon". Eĉ se vi ne deziras, aŭ ne povas aboni tiun gazeton, vi tamen povas aĉeti broŝurojn (dekoj da titoloj; ĵus estis reeldonitaj: "Humanistaraj Principoj" de Eugen Relgis, "Tra la mondo per biciklo kaj Esp-o" de L. Péraire, "La Kvina Evangelio" de Han Ryner kaj "Neĝulino k.a. rakontoj" de la Fratoj Grimm en traduko de Kabe. Mendu ĉe: Esperanto, FR-47470 Beauville.).

**ICEM Esp-o**, n-ro 121. Interesaj artikoloj pri infan-rajto en lernejo. Pli precize pri pisado-libereco en lernejo... "La rajto pisi, se restos nur unu, ĝi estos tiu ĉi!". Do, antaŭ ol finplenigi tiun kolumnon, mi tuj iros al la neprejo! Hoj!

# Leteroj

Kara Ĵak,

Hieraŭ atingis min la lasta ĉi-jara numero de "La Kancerkliniko".

Koran dankon pro la aperigita teksto pri "Ordeno". Mi gratulas vin pro la 30-jara obstinado kaj deziras al vi ankoraŭ da jubileoj.

***Josip Pleadin***

Estimata,

Mi estas silenta leganto de LKK, kvankam mi ĝenerale tre ŝatas ĝian enhavon. Hodiaŭ tamen mi rompas mian silenton por atentigi vin pri erareto.

En la kovrilo de la lasta numero de La KancerKliniko (n-ro 120), inter la gazetoj malaperintaj en la lastaj 30 jaroj troviĝas Penseo, eldonata en Ĉinio. Efektive, Penseo ne aperis inter Septembro 1995 kaj Decembro 1996, sed reaperis en Januaro 1996 kaj ekde tiam ĝis nun regule aperadas kaj jam atingis la 182-an numeron, en Decembro 2006.

Penseo, monata beletra revueto en Esperanto, ekaperis en Julio 1990 en Ĉinio en papera eldono. Enretigita en 1997, ĝi estas legebla kaj elŝutebla pere de Interreto - ĉiuj numeroj eldonitaj ĝis nun troviĝas ĉe http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm. La n-roj 1 ĝis 106 estas en html-formato kaj la numero 107 kaj la sekvaj en pdf-formato. En ĝi kunlaboras precipe ĉinaj Esperantistoj, inter aliaj, kelkaj kunlaborantoj de LKK (Mao Zifu, Hu Guozhu).

Mi esperas, ke vi povos aperigi tiun ĉi informon. Penseo meritas esti diskonigata. Por pli da informoj, oni povas skribi al la Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo), Retpoŝto: vejdo@elerno.net

Gratulante vin pro via bonega politika, kultura, skandalema kaj ajnista laboro, mi salutas vin amike,

***José Pinto de Sousa***

Gratulojn por via tasko gvidante la revuon *La KancerKliniko* dum 30 jaroj.

***Salvador Aragaj***

# Legi

**Diccionari Català–Esperanto**

Eldonis: **Barcelona Esperanto-Centro, 272paĝa broŝurita A5-formata libro,** kun preskaŭ komplete verda kovrilpaĝo, ilustrita per sferoj, ter-glob-similaj fare de l' vorto "ESPERANTO", kun sube-live la blazono de Katalunio en ovala ŝildo: "el oro, kun kvaj palisoj el gorĝo", kaj sube-dekstre la simbolo de Esperanto, t.e. "verda stelo" (Surprize, ĉu ne ?). Pri la interna aspekto, nenio riproĉinda: ĝi estas tre klare presita, sen ajna fantazio. Iom rigida, sed ja ne temas pri ridiga libro. Pri la enhavo, krom indikoj pri la uzitaj mallongigoj (en la kataluna) ĝi entenas nenion pri la gramatiko, nek pri la prononco aŭ io tia, rilate ambaŭ lingvojn.

Mi nur bedaŭris, ke ĝi ne estas ambaŭdirekta (K-E kaj E-K), kio ne estus tro grava plia laboro, ĉar per komputika programo, tio estas relative facile farebla. Sed, kompreneble, pligrandigi l' aprezon samtempe pligrandigus la prezon.... Tamen, mi relative facile elturniĝis por trovi la nomojn de la ŝak-pecoj (kio estas fundamenta testo): Damo (damo), àlfil (kuriero), torre (turo) kaj peó (peono). Por la reĝo (rei) kaj la ĉevalo (cavall), mi nur devas konjekti, ĉar ne aperas indikoj, ke ili uziĝas por ŝako (escacs).

Mi ne legis la tuton, do mi ne povas vere taksi la taŭgecon de la tradukoj, tamen mi trovis kelkajn malglatajojn, kiel ekzemple "pega", kiu estas tradukita per "malŝanco", "malhazardo". Se malŝanco eventuale akcepteblas (kvankam pli klare estus "malbonŝanco"), "malhazardo" tute ne taŭgas ĉar ĝi fakte signifas "antaŭvideblaĵo" aŭ "antaŭkalkulaĵo". Kaj kial ne proponi la rektan tradukon "peĉo", kiu tute kongruas kun la dua difino figuresenca ne nur en nova PIV, sed jam en la eldono de 1970: "malbona ŝanco, mizera okazaĵo".

Certe havebla, sed eble nur por lertaj katalunparolantoj. Sed verŝajne pli larĝe uzebla ĝi estus, se ankaŭ ekzistus la reciprokan formon (ĉu interne, ĉu en aparta volumeno).

***Serge Sire***

**Esperanto en Katalunio**, 1887-1987, Antonio Marco Botella, eld. Barcelona Esperanto-Centro, 2005, 358 paĝoj.

De la unua esperantisto en Katalunio ĝis la centjara jubileo de Esperanto, ĉion (aŭ almenaŭ multegon) vi scios pri la 5aUK en Barcelono, pri ĉiuj Katalunaj kongresoj kaj kadre de ili pri la Internaciaj Floraj Ludoj. Floraj Ludoj de 1909 ĝis 1936, kaj post 42-jara interrompo –eble la diktatoro Franco ne ŝatis poezion!– de 1978 ĝis 1987.

Do, ne nur iom tedajn raportojn pri la kongresoj vi trovos en ĉi tiu libro, sed ĉiujn poemojn, kiuj gajnis la unuan premion de la Floraj Ludoj. Longaj kaj mallongaj poemoj ili estas, de famkonataj aŭtoroj, de malpli famaj kaj de forgesitaj. Maria Henkel gajnis la unuan konkurson, sekvis i.a. Jaume Grau Casas, Julio Baghy, Kaloĉajo, Teo Jung, Aldo de 'Giorgi, Kris Long (kiu tie ĉi iĝas poet*ino*!), Jiri Korinek, Giorgo Silfer, Nicolino Rossi, Timothy Brian Carr.

Nur unu poemo makulas tiujn Florajn Ludojn: Amo, de Arturo Domènech i Mas, en 1914. Vidu tiun strofon: *Pro vi, kiam eksonas la signalo – ke la patrujo estas en danĝero, – la junularo kuras al batalo – por prezenti al malamika fero – siajn brustojn, por morti se fatalo – ĝiajn korpojn restigos sur la tero; – ĉar morto por patruj' ne kaŭzas ploron, – ne, la patruja am' nur donas gloron.* Vom' kaj vomad'!

Plezure mi eksciis, ke en 1930 estis fondita en Barcelono la Asocio PUIL (Proleta Esperantista Unio de Iber-Amerikaj Landoj), anarkistema esperantista asocio...

Certe havebla, kiel diras Serge apude, sed kaj por poeziŝatantoj kaj por historiistoj... kaj ne nur katalunaj kompreneble!

**ĴLP**

***

**La tempo-maŝino**, H.G. Wells, tradukis E.W. Amos, dua eldono, serio utopia numero 4, eldonejo Bero, Roterdamo 2006, 82 paĝoj. 8,10 €.

Dankon al la eldonejo Bero por la reeldono de tiu klasikaĵo. Ne hezitu (re)vojaĝi kun la heroo en la jaro okcent dumil sepcent unu, kun tremeto retrovu la Elojn kaj la Morlokojn. Kaj se vi ne kredas je ĉio ĉi, aŭskultu la tempo-vojaĝanton: "Diru ke mi sonĝis... Pensu ke mi konjektadis pri la destino de nia raso...".

**ĴLP**

## La sensaciaj raportoj de Rava Ŝoljak (sekvo)

Niaj legantoj jam konatiĝis kun Rava Ŝoljak, kiu en *LKK* n°114 publikigis eksterordinaran raporton pri okazonta SAT-Kongreso. Unu el liaj manioj estas kursivigo de kelkaj vortoj aŭ frazeroj. Pri tiu detalo li donis klarigon ("Mi tiel emfazis la plej neverŝajnajn parolojn de iuj personoj"), sed iu eminenta *LKK*-kunlaboranto kontestis tiun klarigon kaj proponis alian (*LKK* n° 116, p.5 : "Ĉiuj kursivaĵoj, kiujn s-ro Ŝoljak deklaris "plej neverŝajnaj" sonĝeroj — trompante hontinde la legantojn — estas nur **veraj citaĵoj**). Ĉar denove povas okazi disputo pri tiu ĉi punkto, ni anticipe deklaras, ke juĝos la legantoj.

ꝏ ꝏ ꝏ

### En Romo

Dank' al *LKK* ni scias, kio okazis en Romo en la jaro 2005. Estis elektita nova papo. Kaj tuj post lia elektiĝo la esperantista premgrupo en Vatikano sieĝis lin, dirante : "Sanktega Patro, Suverena Pontifiko, ni opinias, ke Via Sankteco — kiam oni lobias, oni ne domaĝas la ĝentilaĵojn — devus agi same bone, kiel la karmemora kaj beata Johan-Paŭlo la Dua." La papo petis tiujn jezuitidojn, ke ili esprimu pli klare sian opinion, kaj ili respondis, ke ili aludas pri la Kristnaskaj kaj Paskaj frazoj en Esperanto. "Komprenebie, — diris la papo — mi tion faros". Kuraĝigite de tiu facile akirita akcepto, la esperantistoj volis profiti la okazon por ricevi ion plian kaj tiel proksimiĝi al la baldaŭa fina venko. "Ni opinias eĉ, ke Vi, Sanktega Patro ktp-vidu-ĉi-supre, devus agi eĉ pli bone ol via antaŭulo — Certe, certe, tion mi intencas fari" — respondis senpripense la papo. Li ne konsciis, ke teologoj disputos dum kelkaj postaj jarcentoj por determini, ĉu tia deziro estu rigardata kiel piega klopodo "ad majorem Dei gloriam" aŭ kiel simptomo de senbrida orgojlo inspirita de l' Diablo. Sed li precipe ne konjektis la konsekvencojn de la demoneca komploto de la esperantistoj. Ekis la jena dialogo :

— Kion mi faru por tiu celo, laŭ via opinio ?

— Estus tre bone, ke vi eldiru vian venontan predikon "urbi et orbi" tute en Esperanto.

— Tute neeble, tiun lingvon mi ne regas, kaj la predikon mi devas eldiri post du semajnoj.

— Esperanto estas lingvo logika kaj facila, lernebla en kelkaj tagoj. Ni povas disponigi al vi taŭgan instruiston.

— Ĉu ekzistas en Romo tia mirinda homo?

— Kompreneble! Se ne en Romo, kie do?

— Ĉu li estas homo fidinda?

— La plej fidinda. Li estas *prezidanto de UEA, do de ĉiuj esperantistoj.*

— Bone.

— Li ĉiam staris sur la Sanktapetra Placo, kiam via glora antaŭulo montris sin al la popolo, kaj li ege laŭdis lin postmorte, nomante lin plej oficiale, en la revuo de UEA, *granda amiko de Esperanto.*

— Hm, bone — diris iom hipokrite Benedikto, kiun fakte tedis la troa laŭdado al Johan-Paŭlo.

— Kaj super ĉio li estas ĝismedola fidelulo de la Sankta Fundamento kaj senkompromisa malamiko de la neologismoj...

— Kiel Piron?— interrompis Benedikto.

— Eĉ pli. Li deklaris, ke tiuj, kiuj parolas pri Italio anstataŭ pri Italujo, *estas morale apenaŭ super la nivelo de De Beaufront kaj Blinkenberg.*

Tiuj argumentoj konvinkis Benedikton, kiu venigis Renaton Corsetti, por ricevi de li instruon pri la Vera Fundamentisma Esperanto, tiel taŭga por la papoj kiel por *la koreaj komencantoj.*

Sed la antaŭan tagon de la solenaĵo, la 16a Benedikto maltrankviliĝis. Li diris al Corsetti : "Post tiel mallonga studado, mi sentas min ne perfekte firma kaj mi timas lingve stumbli dum mia prediko. Ĉu vi ne povus morgaŭ stari apud mi por suflori al mi, se mi forgesos vorton, min korekti, se mi forĵonglos akuzativon aŭ – Dio gardu! — akcidente uzos iun damnindan neologismon, kiaj *kurta, masklo aŭ trajno* ?" La *prezidanto de ĉiuj esperantistoj* evidente konsentis pri tiu sankta misio kaj tial, dum la difinita tago li staris apud la papo sur la Vatikana balkono.

Kiam mi rakontas tiun okazaĵon, kelkaj aŭskultantoj montras dubeman mienon, kvazaŭ ili ne kredas min. Kaj mi konjektas, ke inter la legantoj troviĝas iuj, kiuj same dubas pri mia raporto. Ili malpravas. Mi povas atesti, kie tio ja tiel okazis, ĉar mi mem ĉeestis. Anonime kaj inkognite — mi ja estas nur ordinara esperantisto — mi staris meze de la homamasego, pleniginta la Sanktapetran Placon. Mi eĉ memoras unu detalon el tiu memorinda evento, unu el tiuj detaloj, kiuj atestas pri la vereco de raporto. Mi memoras, ke iu viro, kiun mi ne konis, sed kiu simple staris apud mi dum la ceremonio, sin turnis al mi kaj diris : "Mi pardonpetas, sinjoro, ĉu vi povas diri al mi, kiu estas tiu homo blanke vestita, kiu staras apud Renato Corsetti?"

(dua parto)

# Basyô

(1644-1694)

eljapanigis ***Gennadij Turkov***



## *Printempo*

***

**Printemp' alvenis**.
Nur naŭ tagetojn aĝas
ĉi kampoj-montoj!

***

**Printempaj noktoj**
post ekflor' de sakuroj
iĝis matenoj!

***

Ankaŭ sunsubir'
disigas nin de vido
de **tervaporo**!

***

**Printempa pluvo**
plilongigas absinton
sur herba pado.

***

Kiel mi pigras! –
Ĉar estas puŝvekata
dum **pluv' printempa**.

***

Ĉu konfuziĝas
ĉe vizaĝoj de floroj? –
**Palas la luno**.

***

Verda saliko
klinas branĉojn al koto. –
**Malalta tajdo**.

***

Pro nura kaĉo
malgrasiĝinta **kato**
pri **am'** ĉu pensu?

***

Eĉ tuta tago
ne sufiĉas, **alaŭdo**,
al via pepad'!

***

Super vasta kamp',
fiksita al nenio,
**alaŭdo** kantas.

***

En mian vinon
kotpecon ne fallasu,
flugaj **hirundoj**!

***

Al **paseridaj**
pepoj respondas same
el nest' musidoj.

***

Malnova stavo.
Kiam ensaltas **rano** –
eksonas akvo.

***

Vekiĝu, vekiĝu –
mi amikiĝos kun vi,
aĥ, **papilio**!

***

Kiomfoje vi,
**papiliaj** flugiloj,
transiĝis baron?

Kia do strangul'! –
Sur senodora planto
sidas **papili'**.

***

Ankaŭ mi atingas
dian alton, admirante
florojn de **umeo**.

***

Vidu, migra bird':
via olda nest' – meze
de **ume**-floroj!

***

Eĉ mungo-sonoj
ĉarmas, kiam kulminas
**ume**-florado!

***

Odoru, **umeo**! –
Sub montet', kie vi staras,
oni torfon fosas.

***

Helpe de l' ombrel'
mi provas trapenetri
**saliko**branĉojn.

***

Dum persikuja
pompa florad' ekfloris
unua **sakur'**!

***

Multo, aĥ, multo
rememoriĝas, kiam
**sakuroj** floras!

***

Cikoninestón
taŭzanta venteg' estas
ekster **sakuro**!

***

Ja tre konvenas! –
Al riz' kun fabfaruno
admir' de **floroj**.

***

*Flor-admirado*

Sub arboj staras
kaj supoj, kaj fiŝaĵoj...
**Sakuroj floras**!

***

Ĉiuprintempe
**sakurajn** arbojn sterkas
floraj restaĵoj.

***

Centmila amas'
da homoj – jen ĉefurba
**flor**-admirado!

***

Kiel pri **floroj**
tute ne atentanta
aspektas kverko!

***

Ludantan kun vi
inter **floroj** tabanon
ne voru, paser'!

Ankaŭ vespertoj
elflugu gaji inter
**floroj** kaj birdoj!

***

Mi ne komprenas,
el **floroj** de kiu arb',
sed – kia arom'!

***

Eĉ se papervest'
malsekiĝus, mi rompu
pripluvajn **florojn**!

***

Sonor' degelis,
sed **florarom'** plu batas –
tia vespero!

***

Trinkinte ĉiom
mi faru **floran** vazon
el ĉi barelet'.

***

Ĉu ekzistas speco
de nedormantaj dum **florad'**?
Mankas mus' en nesto.

***

Altere fali,
sin premi al radikoj –
**flor'**-adiaŭo!

***

"Infanoj tedas!" –
tiel dirantaj hatas
ankaŭ la **florojn**.

***

Ŝipoj lantiĝas,
kiam videblas borde
**persikujfloroj**.

***

Laca, mi serĉis
dormlokon, kaj ekvidis –
**vistariflorojn**!

***

Susursusure –
falas **kerifloroj**, ĉu? –
fluas akvofal'.

***

Sur kamp' de **brasik'**
kiel **florad**ĝuanto
aspektas paser'!

***

Fiksrigardinte,
mi ekvidis ĉe baril'
florojn de **kapsel'**.

***

Ĉu lasis por mi?
La gruo preterpasis
**enant**-herberojn.

***

Kia febleco!
Jam sentas miaj dentoj
sablon en **algoj**.

# Kanzonoj

## Sen elizi'

### Teksto kaj muziko

### *Ĵak Le Puil*

Mi ŝatus verkadi kanzonon
sen elizi',
fek' eraris mi!
Mi ŝatus verkadi kanzonon
sen elizi',
fek' rezignas mi!

*********

Sed...
Se kredi la grandan barbulon
Viktor Hugo
pri la inspir'
ja temas grandparte pri ŝvito
Do kial ne
persistus mi?

*********

Mi do provos verki kanzonon
ŝvitados mi
ja nur por vi.
Sed petas mi ne ĵetu ŝtonon,
se ne hodi'
sukcesos mi!

*********

Kun aro da bonaj vortaroj,
jen duboj for,
jen helpo por
alveno de multaj dolaroj
ĉefverkojn ja
'stos multe da!

*********

Ĉu mi verkus tuj amkanzonon?
Mi amas vin,
vi amas min.
Sufiĉas elekti sezonon:
aŭtunon ne
kaj vintron ve!



Nun restas printempo, somero,
kaj povos mi
plurevi pri
blondino kaj ŝia tenero,
ensorĉas ŝi,
ĝojegas mi!

*********

Ĝojegas mi, sed ĉi kanzono
malriĉas tre
ve, re kaj re!
Ja ŝajnas ke sen leksikono
(sen) botel' da vin'
alvenas fin'!

*********

Mi provis verkadi kanzonon
sen elizi'
ne sukcesis mi!
Mi provis verkadi kanzonon
sen elizi'
fek rezignas mi!

---

## Demandoj

### Teksto kaj muziko

### *Ĵak Le Puil*

Ja kiam estis mi infan'
Pli-malpli ĝis la deka jar'
Ĉiajn demandojn faris mi
Atendas plu respondojn mi.
Ni devis lerni en lernej'
Latinan lingvon, sed la plej
Utila por mi en ĉi urb'
'stus la araba, sen perturb'

2

Kaj kiam dudek, sen prokrast'
Starante antaŭ ĉefsoldat'
Konstatis mi ke ĉi azen'
Respondas nur kiel kreten'.
Jen kial mi cerbumis por
Konfliktojn tujtuj meti for
Rapide mi forpafis min
Por vivi kun la amikin'

3

Kunvivis do kun Karolin',
Fratino de fama putin',
Knabin' frivola sen kontest'
Sed ĉiu tago estis fest'
Ve! pasis malpli ol monat'
Jam ŝi parolis pri prelat'
Hej! min timigis geedziĝ'
Sed pri preĝej' 'stis nur vertiĝ'

4

Demandojn pliajn havis mi
Pri famili', pri la patri'
Restis al mi nur la labor
Por ĉiujn zorgojn lasi for.
L' unuan tagon sen problem'
La duan jam en la maten'
Pugne rilatis kun Jozef'
Pro alergi' al ĉiu ĉef'

5

Foriris mi al Tahiti'
De mia land' jen koloni'
Sub suno de ĉi paradiz'
Mi vivos sen psikanaliz'
Sed alvenante al Papeete
Konstatis mi ke por aĉet'
Sufiĉas ne plej bela sun'
Ĉi paradiz' estis nur pun'

6

Nun infanaĝo estas for
En kelkaj dentoj 'stas dolor'
Demandojn ne plu faras mi
Sed gapas mi kiel simi'
Ĉar nun en Rabeleza land'
Vivu la angla por la kant'
Do mutu nun mia gitar'
Rivalos ne mi kun dolar'!

# Periplo

## *Manuel de Seabra*



Ĉirkaŭ la Suno pli malvarmas
ol antaŭ milionoj da jaroj, kiam la homo
estis besto de revoj kaj estontoj.
Hodiaŭ la sezonoj estas glataj kaj egalaj
kaj li ne plu povas varmiĝi, pigre,
sur la sablo kiel la olda lacerto
vivanta ankoraŭ en tiu ĉi vintra mondo.
La ŝirmaj plaĝoj de la tre rifa bordo
ne plu estas tiuj kie ĉiunokte
la Ulisaj nigraj barkoj grundis
kaj la vinkolora maro iĝis gluiĝema,
putra pro tute ne realigitaj revoj.
Nun ĉio estas nuancoj, aĵoj kaj homoj, nur
la ideoj ŝajnas klaraj kaj la vortoj
parolas al ni pri oldaj kaj afliktaj memoroj.
Ili raportas ĉefe pri senfinaj luktoj
kaj elvokas aliajn estojn kaj aliajn aferojn.
Super ĉio, tamen, la lumo, la netaj
konturoj kiuj preskaŭ damaĝis la pupilojn
kaj apartigis la formojn el tiu mondo
sen la nebulo, kiun nun ĝi konas.

2

Ĉirkaŭe eĉ memoro ne plu estas
pri aliaj tempoj, ne tiom korŝiraj,
kun promesoj kaj diferencaj morgaŭoj,
kiuj certe volus esti ne ĉi tiu
frido, kiu nun nin ĉirkaŭas, kaj unu tagon
finfine ĉion envolvus
per fina kaj teruriga dormo
se la saĝuloj sube, en la glaciiĝinta
ventro de la tero, tiun ĉi varmon ne kreus,
kaj ne kreskigus
la puran proteinon, kiu estas nia manĝo
monotona, ĉiutaga, trista
kaj ne kreus la brizon, kiu karesas la vizaĝon
de la palaj junulinoj promenantaj
en la metalaj koridoroj, la ŝtalaj
salonoj kie la komputilo kreas jam
novajn ritmojn, maŝinajn, febrajn,
en kies monotona takto
troviĝas eĥoj de nekonata paseo,
de kanejoj skuitaj de tempestoj,
memoroj de antikvaj tamtamoj,
kiuj agitis la sangon en la vejnoj,
tremetigis la naztruajn murojn,
kaj ardajn instinktojn vekis.

Kaj sur la lito, post la laciĝo,
kun la membroj ŝvitaj, malfortikaj
post amori primitive, brutale,
ĉiuj sopiras al sia kruela paseo,
kiam ĉi tiujn ŝtalajn murojn oni revis
kvazaŭ intense deziratan morgaŭon.

3

Nun jam neniu eliras el la metalaj
kupoloj, la novaj urboj, kie la homo
daŭre luktas kiel antaŭ milionoj da jaroj,
samtempe rigardanta posten kaj avanen
kaj provanta denove krei mitojn
el la aĵoj kiuj jam ne plu estas: tristaj
elefantoj aŭ ruĝaj kokcineloj,
aŭ brutaro, kiu eble ankoraŭ pluvivas,
sovaĝa kaj libera en foraj lokoj,
kiun oni ne plu buĉoferas ĉar la homo
ne plu manĝas sangan kaj dolorplenan karnon,
nur proteinojn, kiujn la patro-reaktoro
ĝentile fabrikas.
Nun senjoras malvarmsangaj bestoj,
lacertoj, ranoj, salamandroj
kaj aliaj rampuloj sen interna varmo,
la unuaj
kiuj lasis spurojn sur la sablo, kaj eble la lastaj
loĝantoj de la fridiĝanta planedo,
kiam ĉiuj jam formarŝis
al la steloj.

4

Turnas li la kapon denove al la astroj
atendante jam la reveno de tiuj,
kiuj antaŭ jarcentoj foriris
serĉe de alia Paradizo
kie trovi novan varmon,
astron kun vento de verda montaro,
nuba pluvo, aspra polvo,
kun riveroj kaj fiŝoj, maroj kaj montoj,
tero de tempestoj kaj someroj
kun flaveska kaj varmega suno
iom simila al la rememoroj
lasitaj de la prapatroj,
kie la ora lumo ne estu nur memoro
en arkaikaj, misformitaj legendoj.

En tiu nova mondo, iam trovota,
sendube novaj bataloj ekestos,
la palaj junulinoj de la ŝtalaj salonoj
iĝos novaj Naŭsikaoj,
denove ekaperos enamiĝintoj
kaj oni mortos pro amo, spito, ĝojo.
La muskoloj strečiĝos, la
okuloj scintilos kolere,
kiel tiuj de Aĥilo murdinte Hektoron,
estos en la vejnoj teruraj emocioj,
la pugno fermiĝos preta por frapi,
la besto endormiĝinta resurektos,
forgesita de tiu ĉi frido, kiu estos
tiam alies paseo ol tiu ĉi
trista silento ekstere de kupoloj
ŝtalaj, kiuj estas nun
la homa hejmo en planedo,
kiu agonias kun sia suno...
Eble estas ankoraŭ insektoj
inter la rokoj kaj la mortintaj herboj,
kaj la sovaĝaj hundoj sin reciproke voras
manke de aliaj pli adekvataj manĝoj.

5

Nun la frido invadas la karnon se la homo
distriĝas kontemplante
sian antikvan mondon, kaj oni devas
reveni al la splendoraj ŝtalaj koridoroj,
al la sekureco de la reaktoro.
Ĝis kiam venos la renkonta tago
kaj li povos denove karesi
harozan hundan kapon Inter la polmoj
kaj kuŝi je alia suno kiel la olda lacerto
en iu malproksima astro kaj revivigi
denove la homan historion
kun ĉiuj ĝiaj eraroj kaj sukcesoj,
kaj sortobatoj, momentoj gloraj,
kaj ŝvitaj angoroj.
Ne plu estos malgrandaj patrioj,
sed sunaj, ĉiohomaj, globusaj Itakoj
revitaj de iu ajn kuraĝega Uliso,
resurekte el la ŝtalaj kupoloj
el serena kroĉetaĵo Penelopa.

# Io ajn

Feliĉe, ke Jesuo Kristo ne mortis en lito, alie, en Bretonio, estus somiero je ĉiu vojkruciĝo!

***Jean Yann***

Laŭdire trinki kafon malhelpas dormi. Male, dormi malhelpas trinki kafon.

Se la kuloj estus abeloj, ili alportus sangon al la kulejo kaj la kulreĝino farus budenon.

# Taŭrbataloj

La 15-an de decembro, ni eksciis per artikolo de la ĵurnalo "El Pais", ke la arenoj de Barcelono, kie daŭre okazis taŭrbataloj ĉar privata societo havis uzrajton, estos transformitaj en 2008 en plenaeran bazaron!

Fakte, la urbodomo de Barcelono, kiu sin deklaris kontraŭ taŭrbataloj en aprilo 2004, ne plu subvenciis la torturajn spektaklojn, kaj la societo kiu administris la duan plej faman arenon de Hispanio ekde 1993 rezignas pro malprofitoj: po 24.000 eŭrojn por taŭrbatalo.

Lastaj sondadoj montras, ke 70% el la Katalunoj aprobas la abolon de la barbareco en la arenoj.

(laŭ komuniko de CRAC)

**Por abolo de taŭrbatalo en Francio**, subskribu antaŭ majo la peticion de CRAC (Komitato radikale kontraŭ taŭrbatalo), BP 10244, 30105 Alès Cedex, Francio.

anticorrida.crac@tiscali.fr
<www.anticorrida.com>

(En la gazeto de CRAC, *Les empêcheurs de torturer en rond*, numero 7, vintro 2007, eblas legi mian artikolon pri taŭrbataloj – La Kuracoservo, LKK 119 – en Esperanto kaj en la franca, kun aldona titolo de la redakcio: "Espéranto, langue d'espoir".)

---



# Fra Gaeta



### Danke al William Auld

iam mi komencis verki
jam maljuna esperante
li al mi letere skribis
"poezie aŭtentikas"
miaj fortoj lante likas
la spirado kaŭre ĝibas
min pluirkuraĝigante
mi ekstaras por ekverki

### Hazarda aboco

steloj etas etas belo
mi profetas vi ridetas
senkonscie simpatie
mi ĉi tie vi de ie
iras mastre al pilastro
pro la astra abalastro
staras muro kun aŭguro
petveturo aventuro

### Ofte softe

en bunkero el sukero
dormas mi la homa ero
sub ĉi dolĉa tiraneco
estas mi nur homa peco
ja pro tio revas ofte
ion diras foren softe
en la vivo milde glitas
kaj espere cenobitas

### Por vi

ĉar vi riskis nun vi rojnas°
ja laboro ofte fojnas
pozitivu kaj vi trovos
am' pluvivos se alkovos
universon pelas vojo
sonĝo venas el medolo
se risorton vi malhavas
oni pli ol vi jam pravas
°rojni = mordeti kiel muso (Auld)

### Programo

se vi sklavas alribelu
se vi povras aljustigu
se vi feblas forton ĉerpu
viakore fajraferu
por la viv' subakve feru
kun amika sento helpu
al laboro meminstigu
via mondo tute belu

### Tiam kiam

kiam kantos mi traktore
plenapulme ĝojelkore
kaj amike kunlaboros
por konstrui e-etoson
havos mi homarpatoson
duran grundon arde boros
arbon plantos e-folklore
tiam startos mi liktore

### Vortojn ŝmirante

sen oleo sur la vortoj
spiteliras parolado
sen tolero al malsamo
vivo iĝas difektita
belas am' de am' volvita
tamen jen al ter' cunamo
ĉu la stela miriado
iam zorgos pri akordoj

### Nevidebla fuĝulo

kiam estis mi perdita
en la fremda nokta loko
akvo min surprizis glite
kontraŭ mian logikecon
mi mistrafis la aprecon
ve revenis konsternite
kaj senvole al paroĥo
kiel homo ignorita

### Grezijon' aŭguste 1996

en longega farandolo
cirkle ĉiuj ni kundancas
dum muzik' l' animojn regas
duonlume jam vesperas
fundakore ni esperas
nun ĉielo malheltegas
irreveno alternancas
mi min sentas rubekolo

### Malfeliĉe

supran parton forrompitan
plastsitelo kuŝas tere
estontecon plu ne tenas
post diskuto jen disputo
estas kraĉ' kaj sanga sputo
ĝis la korpoj sin tertrenas
vivo vokas etespere
la feliĉon forrabitan

### Surprize

fingro min surprize tuŝis
de ho ve malĉeestanto
ĉu la cerbo min sugestis
pri la ago malreala
ĉu nur gesto nenormala
de alia mondo estis
restis ja glacia hanto
kiu mian dormon fuŝis

### Al mia cerbo

en konstanta laborado
uzinego mia cerbo
sur la vojo trairata
la prudenton ne forgesu
al belamo ĉiam jesu
ĉiun vivon faru glata
kaj humilu kiel herbo
sub la stela aklamado

### Diable

dum trankvila nokta sonĝo
mi abrupte kaj krudege
estis pugne renbatita
mia korpo supren saltis
kiel ĝin elektro ŝaltis
pro fiago arkigita
balbutante kriis streke
vekiĝante en malplonĝo

### Al patrin' de l' emancipoj

el la ĉenoj de l' malbono
oni povas sin liberi
per la forto de l' animo
aŭ tuŝet' de viaj lipoj
vi patrin' de l' emancipoj
ne forlasu min ĉe l' limo
de l' konscio degeneri
kaj perdiĝi for de l' bono

### Geinfanoj

hop surakve dancas ondin'
dum ĉielo ĝoje trilas
papilioj bunte brilas
kiam vi ridetas lolin'
kaj trankvila joldonĵuan'
sul lageto glitas lante
dum l' aero ludas kante
ĉar li estas vi tituan'

EL POPULARA SERIO "REKTE INKE, SENKRAJONE", ALINOME: "PIGRE"

JEN HODIAŬ: TURNIRO POR KONKERI AMON DE BELA PRINCIN' (*)

JEN LA DOKTORA KAVALIRO RAJDAS "LA VIGLAN-SEKSAN ĈEVALON" KAJ "LA BUNTAN KREIVAN ĈEVALETON"

* ĈI KOMIKSO OMAĜAS FANTAZION, DO, BV.: FANTAZIU KE ONI NE PIGRIS BONE DESEGNI!

KAJ LA RIVALO: LA MALDOKTORA MALKAVALIRO, KIU RAJDAS "LA MONAN ĈEVALINON" KAJ "LA LUKSAN-POVAN ĈEVALEGON"

SED ... FAKTE PIGRIS! KIA HONTO!

KAJ JEN, KONKURADO EKAS ... TUJ, TRE RUZE LA SEKSAN ĈEVALON DE LA D-RO EKFIKAS LA MONAN ĈEVALINON, KIU ĈESAS GALOPADI KAJ EKGAPAS ORGASMEME... LA "LUKS-POVA"—ĈEVALEGO JALUZAS KAJ KLOPODAS VANE ANKAŬ FIKI LA MONINON... DUME LA D-RO GALOPAS FLUGE PER LA SOLA NE DISTRITA ĈEVALO, LIA KREIVA ĈEVALETO... KAJ...

EK! FEK!

INTERESA TURNIRO ...FAKTE!

...KAJ FULME ATINGAS PREMION: LA BELA PRINCIN', KIU VOLONTE KUNRAJDAS LA KREIVAN BESTON DIREKTEN IUN FANTAZIAN PERFEKTAN MONDON, KIU NE DESEGNEBLAS (MI PIGRAS MI JAM DIRIS!) KAJ JEN FINO!

DIRU KARA, KIA PREMIO VI ESTAS?

TUTSIMPLE: LA PERFEKTA VIRINO POR VI: MI KREDAS AL SEKSA LIBERECO KAJ AL POVO DE "LA ALTERNATIVA LINGVO"

EVIDENTAS KE MI FLUGAS PER FANTAZIA ĈEVAL' ĈAR TIAJ VIRINOJ NE PLU EKZISTAS EN REALO!

# Pruvo ke Napoleono neniam ekzistis

## aŭ Granda eraro

verkita de **Jean-Baptiste Pérès** en 1827

tradukita al esperanto de ***Gunnar Gällmo***

*Antaŭparolo de la tradukinto*

*Komence de la 19-ja jarcento almodiĝis interpreti la priskribon de gravaj figuroj en la religihistorio kiel sunmitojn, kaj tiel aserti ke ili fakte neniam ekzistis. Helpe de fantaziplena interpretado de vortoj kaj nombroj oni povis pruvi multon, ekzemple ke la dek du apostoloj de Jesuo fakte estis la dek du konstelacioj de la zodiako.*

*Parodiante tion, Jean-Baptiste Pérès verkis la sekvontan tekston. La verkisto estis franco, kaj la teksto publikiĝis en 1827, nur kelkajn jarojn post la morto de Napoleono; do ne estis granda risko ke oni prenos lin serioze.*

*En rondoj de piaj kristanoj, oni foje citis ĉi tiun tekston kiel pruvo ke ili ĉiam pravis pri ĉio; tio tamen eble estas iomete tro, ĉar eĉ se Napoleono fakte ekzistis, malgraŭ la tiel konvinkiga rezonado de Pérès ĉi sube, tamen el tio ne nepre sekvas ke li ĉiam agadis bone. Cetere, la teksto estis publikigita dum periodo, post Waterloo sed antaŭ la julia revolucio, kiam por franco apenaŭ estis sanige atribui al Napoleono iaspecan sanktecon.*

*Tamen, la teksto povas alirilate esti instruiga, ĉar konspiraciteoriojn oni naskis ankaŭ poste; ekzemple oni asertis ke la surlunigo en 1969 neniam okazis, aŭ ke la monda ĉampionado de piedpilko en Stokholmo en 1958 estis blufo. (Nu ja, tiu lasta eble estis same satirintenca.)*

*Kaj kiel estis kun tiu ŝuo, per kiu Ĥruŝĉov batis la pupitron de la Unuiĝintaj Nacioj? Ĉu ĝi eble tute ne ekzistis, kaj se ĝi ekzistis, ĉu li tiukaze deprenis ĝin de la piedo, aŭ ĉu li kunportis trian ŝuon kaj antaŭpreparis ĉion? Ĉiuj tri versioj estas asertitaj.*

*La bezono de fontokritiko do restas, same kiel la bezono de kritiko de la fontokritiko.*

*Laŭ mia scio, ĉi tio estas la unua esperanta traduko de ĉi tiu teksto. Eble mi devus pardonpeti ke mi aŭdacis fari ĝin, kvankam la franca ne estas mia gepatra lingvo; sed mi faris novan svedan tradukon de la teksto (la antaŭa estis farita jam en 1837), kaj tial kaptis la okazon traduki ĝin ankaŭ en esperanton.*

------

*Fonto de senfine multaj eraroj, kiujn oni atentu en la historio de la 19-a jarcento. laŭ la franclingva originalo, trovebla en Interreto, iom helpite de la sveda traduko de J. A. Josephson publikigita en 1837 (kaj farita tra germana traduko de nekonata aŭtoro).*

Titolo de la originalo:

**Comme quoi Napoléon n'a jamais existé**
ou **grand erratum**

source d'un nombre infini d'errata dans l'histoire du XIXe siècle

--------

Napoleono Bonaparto, pri kiu oni tiom skribis kaj parolis, tutsimple ne ekzistis. Li estas nur alegoria personaĵo. Li estas la personigita suno; kaj nia aserto estos pruvita se ni klarigos ke ĉio, kion oni publikigis pri Napoleono la Granda, estas pruntita de la granda astro.

Ni do koncize rigardu kion oni diras al ni pri tiu mirinda viro.

Oni diras al ni:

ke li nomiĝis Napoleono Bonaparto;

ke li naskiĝis sur insulo en Mediteraneo;

ke lia patrino nomiĝis Leticja;

ke li havis tri fratinojn kaj kvar fratojn, el kiuj tri iĝis reĝoj;

ke li havis du edzinojn, el kiuj unu donis al li filon;

ke li finis grandan revolucion;

ke li havis sub si dek ses marŝalojn de sia imperio, el kiuj dek du deĵoris aktive;

ke li triumfis en la sudo, kaj ke li pereis en la nordo;

ke fine, post dekdujara regado, kiun li komencis veninte el Oriento, li malaperis en la okcidentaj maroj.

Do restas scii, ĉu tiuj apartaj detaloj estas pruntitaj de la suno, kaj ni esperas, ke kiu ajn legos ĉi tiun tekston estos konvinkita pri tio.

1. Por komenci ĉiuj scias, ke la poetoj nomas la sunon *Apolono*; nun la diferenco inter Apolono kaj Napoleono ne estas granda, kaj ĝi montriĝos eĉ pli eta se oni reiros al la signifo de tiuj nomoj aŭ al ilia origino.

Certe estas ke la vorto *Apolono* signifas ekstermanto; kaj ŝajnas ke la Grekoj donis al la suno tiun nomon pro la malbono, kiun li faris al ili apud Trojo, kie parto de ilia armeo pereis pro la ekstrema varmo kaj pro la epidemio kiu rezultis de ĝi, okaze de la insulto de Agamemnono kontraŭ Krizeso, pastro de la suno, kiel oni vidas en la komenco de la Iliado de Homero; kaj la brila

imagpovo de la grekaj poetoj transformis la radiojn de la astro en flamantajn sagojn, kiujn la koleriĝinta Dio pafis en ĉiujn direktojn, kaj kiuj detruus ĉion se oni ne, por kvietigi lian koleron, reliberigus Krizeisan, filinon de la oferpastro Krizeso.

Estas do verŝajne ke la suno tial estis nomita Apolono. Sed senkonsidere pro kiu cirkonstanco aŭ kaŭzo oni donis al tiu astro tian nomon, estas certe ke ĝi signifas "ekstermanton".

Nun Apolono estas la sama vorto kiel Apoleono. Ili estas derivitaj el Apollyô, aŭ Apoleô, du grekaj verboj kiuj estas nur unu, kaj kiuj signifas "detrui", "mortigi", "ekstermi". Se tiel do la supozata heroo de nia jarcento nomiĝus Apoleono, li havus la saman nomon kiel la suno, kaj cetere li plenumus la tutan signifon de tiu nomo; ĉar oni bildigas lin al ni kiel la plej granda homekstermanto kiu iam ekzistis. Sed tiu persono nomiĝas Napoleono, kaj do estas en lia nomo komenclitero kiu ne troveblas en la nomo de la suno. Jes, troveblas plia letero, kaj eĉ plia silabo; ĉar, laŭ la enskriboj ĉizitaj ĉie en la ĉefurbo, la vera nomo de tiu supozata heroo estis Néapoléon aŭ Néapolion. Tion oni vidas precipe sur la kolono de Place Vendôme.

Sed tiu plia silabo ne faras ajnan diferencon. Tiu silabo sendube estas greka, kiel la cetero de la nomo, kaj en la greka *nè*, aŭ *nai*, estas unu el la plej emfazaj konfirmoj, kiun ni povas traduki per la vorto "vere". El tio sekvas ke Napoleono signifas "vera ekstermanto", "vera Apolono". Li do vere estas la suno.

Sed kion diri pri lia alia nomo? Kiun rilaton povas havi la vorto *Bonaparto* al la astro de la tago? Tion oni ne vidas tuj, sed oni almenaŭ komprenas ke, ĉar *bona parto* signifas ĝuste tion, ĉi tie sendube temas pri io kiu havas du partojn, bonan kaj malbonan; de io kiu cetere rilatas al la suno Napoleono. Nun nenio rilatas pli direkte al la suno ol la efikoj de ĝia ĉiutaga rivoluo, kaj tiuj efikoj estas la tago kaj la nokto, la lumo kaj la mallumo; la lumo kiun kaŭzas ĝia ĉeesto, kaj la mallumo kiu venkas dum ĝia foresto; tio estas alegorio pruntita el la persoj. Tio estas la imperio de Ormuzdo kaj tiu de Arimano, la imperio de la lumo kaj tiu de la mallumo, la imperio de la bonaj kaj tiu de la malbonaj genioj. Kaj la lastajn, la geniojn de malbono kaj mallumo, oni siatempe malbenis per la vortoj *abi in malam partem* ("malaperu en malbonan parton"). Kaj se per *mala pars*, "malbona parto", oni celis la mallumon, sendube per *bona pars*, "bona parto", oni celis la lumon, do la tagon kontraste al la nokto. Oni do ne povas dubi ke tiu nomo havas rilatojn al la suno, precipe kiam oni vidas ĝin ligita al *Napoleono*, kiu estas la suno mem, kiel ni ĵus pruvis.

2. Apolono, laŭ la greka mitologio, naskiĝis sur mediteranea insulo (sur la insulo Deloso); same oni lasis Napoleonon naskiĝi sur mediteranea insulo, kaj oni preferis elekti Korsikon, ĉar la situo de Korsiko rilate al Francio, kie oni volis lasi lin regi, estas plej simila al tiu de Deloso rilate al Grekio, kie Apolono havis siajn ĉefajn templojn kaj siajn orakolojn.

Paŭzanio, tio estas vere, nomas Apolonon diaĵo egipta; sed por esti diaĵo egipta ne necesis esti naskita en Egiptio; sufiĉus esti tie rigardata kiel dio, kaj tion Paŭzanio volis diri al ni; li volis diri ke la egiptoj adoris lin, kaj per tio konstateblas plia rilato inter Napoleono kaj la suno, ĉar oni diras ke en Egiptio, oni atribuis al Napoleono supernaturan karakteron, kiel amiko de Mahometo, kaj ke li tie ricevis omaĝojn kiuj enhavis adoradon.

3. Oni asertas ke lia patrino nomiĝis Leticja. Sed per la nomo "Leticja", kio signifas "ĝojon", oni volis simboli la aŭroron, kies naskiĝanta lumo disvastigas la ĝojon en la tuta naturo; la aŭroron, kiu naskas al la mondo la sunon, kiel diras la poetoj, malfermante al ĝi, per siaj rozfingroj, la pordojn de la oriento.

Cetere estas tre rimarkinde ke, laŭ la greka mitologio, la patrino de Apolono nomiĝis Letoa. Sed se el Letoa fariĝis ĉe la romianoj Latona, patrino de Apolono, oni sukcesis pli bone kiam ŝi, dum nia jarcento, iĝis Leticja, ĉar *Letitia* estas la substantivo de la verbo *laetor* aŭ de la malofta *laeto*, kiu signifas "inspiri la ĝojon".

Do estas certe ke tiu Leticja venas, same kiel ŝia filo, el la greka mitologio.



Vidu sekvantajn paĝojn...

4. Laŭ tio, kion oni pri tio rakontas, tiu filo de Leticja havis tri fratinojn, kaj sendube tiuj tri fratinoj estas la tri Gracioj, kiuj, kun la Muzoj, iliaj akompanantinoj, ornamis kaj ĉarmis la kortegon de Apolono, ilia frato.

5. Oni diras ke tiu moderna Apolono havis kvar fratojn. Nun tiuj kvar fratoj estas la kvar sezonoj, kiel ni pruvos. Sed unue oni ne indigniĝu vidante la sezonojn reprezentataj de viroj prefere al virinoj. Tio eĉ ne devas ŝajni nova, ĉar en la franca lingvo, el la kvar sezonoj, nur unu estas ina, nome la aŭtuno; kaj cetere niaj gramatikistoj ne estas tute unuanimaj pri tio (°). Sed en la latina lingvo, *autumnus* ne estas pli ina ol la tri aliaj sezonoj; tiel troveblas neniu malfacilaĵo pri la afero supre menciita. La kvar fratoj de Napoleono povas reprezenti la kvar sezonojn; kaj kio sekvos, tio pruvos ke ili vere reprezentas ilin.

El la kvar fratoj de Napoleono, tri laŭdire estis reĝoj; kaj tiuj tri reĝoj estas la printempo, kiu regas la florojn; la somero, kiu regas la rikoltojn; kaj la aŭtuno, kiu regas la fruktojn. Kaj kiel tiuj tri sezonoj ricevas sian tutan fortan influon el la suno, tiel laŭdire la tri fratoj de Napoleono ricevis de li sian reĝecon, kaj regis nur danke al li. Kaj kiam oni aldonas ke, el la kvar fratoj de Napoleono, unu tute ne estis reĝo, la kaŭzo estas ke, el la kvar sezonoj, unu regas nenion; nome la vintro.

Sed se, por malfortigi nian paralelon, oni asertus ke la vintro ne malhavas imperion, kaj se oni volus atribui al ĝi la tristan princlandon de neĝo kaj prujno, kiu, dum tiu teda sezono, blankigas niajn kampojn, nia respondo estus tuj preta: tion, ni dirus, oni volis indiki al ni per la vana kaj ridinda princlando, kiun oni asertas ke tiu frato de Napoleono ricevis post la ruiniĝo de lia tuta familio, princlando kiun oni ligis al la vilaĝo *Canino*, pli ol al io alia, ĉar tiu nomo estas derivita el *cani*, kio signifas la blankajn harojn de la frosta senileco, kio similas al la vintro. Ĉar, en la okuloj de la poetoj, la arbaroj kiuj kronas niajn altaĵojn estas iliaj hararoj, kaj kiam la vintro kovras ilin per sia prujno, tio estas la blankaj haroj de la malfortiĝanta naturo, dum la senileco de la jaro: *Cum gelidus crescit canis in montivus humor*.

Do la asertita princo de *Canino* estas nur la personigita vintro; la vintro kiu komenciĝas kiam nenio plu restas de la tri belaj sezonoj, kaj kiam la suno estas plej malproksima de niaj landoj invaditaj de la fervoraj filoj de la nordo, nomo kiun la poetoj donas al la ventoj kiuj, venantaj el tiuj landoj, senkolorigas niajn kampojn kaj kovras ilin per abomeninda blankaĵo; sur kio baziĝas la rakonto pri la fabela invado de la nordaj popoloj en Francion, kie ili forigus plurkoloran flagon, kiu ornamis la landon, kaj anstataŭigus ĝin per blanka flago, kiu kovrus la tutan landon, post la malapero de la fabela Napoleono. Sed servus al nenio ripeti ke tio estas nur simbolo de la prujno, kiun la nordaj ventoj portas al ni dum la vintro, anstataŭ la amindaj koloroj kiujn la suno vivtenis en niaj landoj, ĝis pro sia malfortiĝo ĝi malproksimiĝis de ni; pri ĉio tio estas facile vidi la analogion al la inĝeniaj fabeloj, kiujn oni imagis dum nia jarcento.

6. Laŭ la samaj fabeloj, Napoleono havis du edzinojn; ankaŭ al la suno oni atribuis du. Tiuj du edzinoj de la suno estis la luno kaj la tero: la luno laŭ la grekoj (pri tio atestas Plutarko), kaj la tero laŭ la egiptoj; kun la sufiĉe rimarkinda malsameco ke per unu (tio estas la luno), la suno havis neniun idon; dum per la alia ĝi havis filon, unu solan filon; tio estas la eta Horuso, filo de Oziriso kaj Izisa, do de la suno kaj de la tero, kiel oni vidas en *La historio de la ĉielo*, volumo 1, paĝoj 61 kaj sekvantaj. Tio estas egipta alegorio, en kiu la eta Horuso, naskita de la Tero gravedigita de la Suno, reprezentas la fruktojn de la agrikulturo; kaj oni lokigis la naskiĝtagon de la supozata filo de Napoleono ĝuste al la 20-a de marto, al la printempa ekvinokso, ĉar dum la printempo la produktoj de la agrikulturo plej evoluas.

7. Oni diras ke Napoleono haltigis detruantan plagon kiu teruradis la tutan Francion, kaj kiun oni nomis la hidro de la revolucio. Nun hidro estas serpento, kaj ne tre gravas de kiu speco, precipe kiam temas pri fabelo. Estas la serpento Pitono, grandega rampulo kiu estis por Grekio objekto de ekstrema teruro, kiun Apolono forĉasis mortigante tiun monstron, kio estis lia unua heroaĵo; kaj tial oni

## Napo-Leono, bona farso ! p. 2



**"Giorgio"** estas nur anagramo

*unua malanagramigado :*

**Giorgio**
**orGoiig** *miksado*
**orGojio** *movo de la g-vosto al la una i*
**orgojlo** *Majusklo-interŝanĝo: G=>g; i=>l*

*dua malanagramigado :*

**Giorgio**
**Giorgio** *malinterpleksigo*
*kunmetado*
**Gior-orgio**
**glor-orgio** *Majusklo-interŝanĝo: G=>g; i=>l*

*Same kiel ne eblas Akademio sen Akademianoj, Valerio, sen Valerianoj ne eblas !*

*Kaj Valerio estas Valerianaro ĉar ja estas la eco de Valerio, ari !*



Plej prae, valeriano uziĝis por fuĝigi koboldojn ĉiuspecajn, t.e.: troloj, nibluloj, elfoj, silfoj...

*do ŝajnas neebla ke en Valerio restas silfoj, eĉ nur silfero...*




plu sekvantan paĝon

diras al ni ke Napoleono komencis sian regadon sufokante la francan revolucion, same ĥimeran kiel la tuta cetero; ĉar oni facile vidas ke la vorto "revolucio" estas derivita el la latina *revolutus*, kio signifas serpenton kunvolviĝintan. Estas Pitono, kaj nenio pli.

8. La fama militisto de la 19-a jarcento havis, laŭdire, dek du marŝalojn de sia imperio kiuj estris liajn armeojn, kaj kvar ne-aktivaj. Nun la dek du unuaj (kiel oni facile komprenas) estas la dek du signoj de la zodiako, marŝantaj sub la ordono de la suno Napoleono, kaj ĉiu komandanta parton de la nekalkulebla armeo de la steloj, nomita "la ĉiela armeo" en la Biblio, kaj dividita en dek du partoj, analogaj al la dek du signoj de la zodiako. Tiaj estas la dek du marŝaloj kiuj, laŭ niaj fabelaj kronikoj, aktive deĵoris sub la imperiestro Napoleono; kaj la kvar aliaj, verŝajne, estas la kvar ĉefaj direktoj kiuj, senmovaj meze de la ĝenerala movado, estas tre bone reprezentataj de la ne-aktiveco pri kiu temas.

Tiel ĉiuj tiuj marŝaloj, kaj la aktivaj kaj la ne-aktivaj, estas estaĵoj pure simbolaj, sen pli da realeco ol ilia estro.

9. Oni diras al ni ke tiu estro de tiom da brilaj armeoj glore trairis la sudajn landojn, sed ke tro penetrinte la nordon li ne povis tie resti. Nu, ĉio tio perfekte karakterizas la iradon de la suno.

Oni bone scias ke la suno regas suverene en la sudo, kiel oni diras pri la imperiestro Napoleono. Sed sufiĉe rimarkinde estas ke post la printempa ekvinokso la suno provas atingi la nordajn regi--onojn, sin malproksimiĝante de la ekvatoro. Sed je la fino de trimonata marŝo direkte al tiuj landoj ĝi renkontas la nordan tropikon, kiu devigas ĝin retroiri kaj reveni suden, sekvante la signon de la kankro, al kiu oni donis tiun nomon (diras Makrobo) por esprimi la retromarŝon de la suno en tiu loko de la globo; kaj sur tio oni paŭsis la imagitan ekspedicion de Napoleono norden, al Moskvo, kaj la humiligan retreton, kiun oni diras sekvis.

Do ĉio, kion oni rakontas al ni pri la sukcesoj kaj fiaskoj de tiu stranga militisto, estas nur aludoj al la orbito de la suno.

10. Fine, kaj tio ne bezonas iun ajn eksplikon, la suno leviĝas oriente kaj kuŝiĝas okcidente, kiel ĉiuj scias. Sed por la spektantoj ĉe la plej ekstremaj partoj de la tero la suno ŝajnas aperi, matene, el la orientaj maroj kaj plonĝi, vespere, en la okcidentajn. Ĝuste tiel, cetere, ĉiuj poetoj priskribas al ni ĝiajn leviĝon kaj kuŝiĝon. Kaj tio estas ĉio, kion ni devas kompreni, kiam oni diras al ni ke Napoleono venis trans la maro el la oriento (el Egiptio) por regi Francion, kaj ke li malaperis en la okcidentaj maroj, reginte dum dek du jaroj, kio ne estas alia afero ol la dek du horoj de la tago, la dek du horoj dum kiuj la suno brilas super la horizonto.

Li regis nur unu tagon, diris la aŭtoro de *Les Nouvelles Messéniennes*, parolante pri Napoleono; kaj la maniero per kiu tiu ĉarma poeto priskribas liajn leviĝon, dekliniĝon kaj falon pruvas ke li, kiel ni, vidis en Napoleono nur bildon de la suno; kaj li estas nenio alia. Tion pruvas lia nomo, la nomo de lia patrino, liaj tri fratinoj, liaj kvar fratoj, liaj du edzinoj, lia filo, liaj marŝaloj kaj liaj heroaĵoj; tion pruvas lia naskiĝloko, la regiono el kiu oni diras al ni ke li venis kiam li komencis regi, la tempo kiun li uzis por trairi ĝin, la landoj kie li regis, tiuj kie li fiaskis, kaj la regiono kie li malaperis, pala kaj senkronigita, post sia brilanta vojaĝo, kiel diras la poeto Casimir Delavigne.

Estas do pruvite ke la supozata heroo de nia jarcento estas nur alegoria figuro, kies ĉiuj atributoj estas pruntitaj de la suno. Kaj sekve Napoleono Bonaparto, pri kiu oni tiom skribis kaj parolis, tutsimple ne ekzistis, kaj la eraro, antaŭ kiu tiom da homoj klinis siajn kapojn, estas la rezulto de miskompreno: ili rigardis la mitologion de la 19-a jarcento kiel historian fakton.

PS: *Ni povus, por apogi nian tezon, citi ankaŭ grandan nombron da reĝaj dekretoj, kies certaj datoj evidente ne kombineblas kun la regperiodo de la supozata Napoleono; sed ni havis niajn kialojn ne uzi ilin.*

***

(°) En la nunaj francaj vortaroj "aŭtuno" estas virgenra, sed en vortaro kiun mi havas, de 1873, "aŭtuno" estas kaj vir- kaj in-genra. (ndlr).

## Napo-Leono, bona farso ! p.3



Pli moderne, valeriano uziĝas por redukti la cerban aktivadon.



Sed !...
Ĉu imageblas, ke normalulo, Nobel-kandidato, bremsas al si la cerbon, tiel ke li nenion plu povas verki, krom mediokraĵojn, ne premieblajn?

Valeriano foje ricevas la kromnomon "katherbo", ĉar ĝi allogas la katojn...





Sed !...
ĉu imageblas ke verkisto, sin diranta genia, sin bildigas nur kiel specon de katalogo ?

Tio konsistigas tro da kontraŭdiroj, kio bone montras, ke ne temas pri homo, sed pri mito.





Fino. Provizora.

# Ĉinaj memoraĵoj (3)

*Laŭrenco Septier*

Mi memoras, ke en 1990, ni volis iri al la naskiĝ-vilaĝo de Mao Zedong, kial, mi ne precize scias, eble ĉar mi estis laŭdire iama "maoisto" ? Do, unue ni iris al Ĉangŝa, la plej proksima grandega urbo, tiam mi ne sciis, ke plurajn jarojn poste, konatiĝinte kun Mao Zifu, ni ofte revenos tien - sed jen alia rakonto ! Ni plurajn tagojn loĝis en Ĉangŝa kaj post tieaj promenoj kaj vagadoj, ni decidis aĉeti trajn-biletojn por pasigi tagon en Ŝaoŝan - nomo de l' vilaĝo. La vojaĝo estis ne tre longa, iomete pli ol tri horoj mi kredas, kaj ni alvenis en la Mao Zedong vilaĝo pli malpli tagmeze. La stacidomo vastis sed malmulte da homoj estis, tio donis al ni impreson, kvazaŭ antaŭ pluraj jaroj multege da pilgrimantoj venis en homplenplenaj vagonaroj, eble ili ĉiuj komune kantis himnojn aŭ ion similan, kun flagetoj en la mano, flirtigante la ruĝan libreton, sed nun-tempe ĉio estis dezerta, pura, silenta. Unu el la maloftaj silentaj lokoj en Ĉinio ! Certe kulto al Mao ne plu ekzistis, ĉu ne ? Ni eliris la stacidomon, ne multe da homoj plu, nur kelkaj fotoj de Mao, iomete eluzitaj pro l' suna lumo en kadro kroĉita sur muro malantaŭ ni. Oni devis uzi buson por iri ĝis la vilaĝeto mem.

Ĉar ni timis, ke poste estos malfacile manĝi, ni eniris etan restoracion - mi kredas, la sola en la ĉirkaŭaĵo, kie ni estis la nuraj klientoj. Ni sidiĝis ĉe tablo duonmalpura, la manoj gluiĝis en nedifinita likvaĵo, krome la varmeco estis iomete troa, malgraŭ la ventumilo. La juna paro, kiu deĵoris tre afable proponis al ni legi la menuon, sed bedaŭr-inde ni komprenis nenion, do la ulo iris ĝis la fridujo kaj eligis nekredeble grandan pladon kun nekuirita viando por ke ni elektu ion : estis diversaj porkaĵoj, hepato, tripoj, kotletoj, multe da grasaĵoj, ks. Tio aspektis freŝa kaj mi ekmalsatis, sed ankaŭ estis muŝoj, kiuj flugis cirkaŭ la viandaĵoj kaj mi vidis, ke subite Anny eknaŭzis pro tio, ŝi tute ne plu volis manĝi ! Ju pli la juna kuiristo montris freŝan viandon, despli Anny ŝajnis malsana ! Mi ne sciis kion fari, despli, ke tiuj gejunuloj vere estis tre afablaj, ili montris al ni ankaŭ legomojn, do finfine ni mendis unununuran pladon da porka viando kaj kelkajn legomojn, kiujn ni ne tiom facile manĝis - la naŭzo de Anny faris, ke mi mem ne plu vere malsatis. La muŝoj, la varmo kaj la gluantaj manoj ne helpis ... Ni tamen rapide manĝis, lasis pli ol la duonon en la bovloj, pagis, finglutis la botelojn da biero kaj iris al la buso.

Ambaŭ ni bedaŭris nian sintenon, sed kiel fari ? Tiuj junuloj ja estis afablaj, la pladoj ne estis malbongustaj sed la cirkonstancoj faris, ke ... Tio foje okazas dumvojaĝe, pro laceco aŭ io tia, oni ne povas vere scii kio estas.

Poste ni vizitis la vilaĝon de Mao Zedong. La vojo por iri estis preskaŭ komplete okupita per vendistoj de Maoaĵoj plej diversaj : brakhorloĝoj kun Mao, vekhorloĝoj kun Mao, fajriloj kun Mao, ŝlosilujoj kun Mao, insignoj kun Mao, flagetoj kun Mao, poŝtkartoj kun Mao, kalendaroj kun Mao, statuetoj de Mao, bustoj de Mao, afiŝoj kun Mao, kartludoj kun Mao, ks kun Mao, memkompreneble necesis iomete da tempo por ĉion rigardi, sed mi memoras, ke ni nenion aĉetis ! Surloke, la vizito estis agrabla : la lernejo, kie estis la seĝo kaj la tablo kie lernis Mao infano, la domo kun la ĉambro de Mao, la tuto sub arboj kiuj iomete protektis nin de la suno. Tute apude troviĝis tre bela rizejo kaj belaj kamparaj dometoj kun pajla tegmento. La homoj ne estis tre multnombraj, mi volis fari foton interne sed policisto rimarkigis al mi, ke tio estas malpermesita, tamen li fakte atendis unue, ke mi faru la foton, kaj nur diris poste, nemalafable, kun rideto. Jen ni vizitis la Muzeon, kie la diversaj vendistoj dormis en siaj respektivaj budoj. Io restas en mia memoro, tiu loko estis aparte kvieta kaj agrabla.

Fine de l'posttagmezo, ni revenis al la stacidomo kaj eksidis en preskaŭ tute malplena malmolseĝo-klasa vagono, kaj jen al Ĉangŝa.

Preskaŭ malplena ... efektive troviĝis for de ni mezjuna duopo kun eta knabino plimalpli sesjara. Iom post iom ŝi venis por rigardi nin, foriris, revenis, grimpis sur la seĝon malantaŭ mi kaj rigardis, kion mi legas super mia ŝultro. Iom post iom ŝi ekparolis al ni, foje ni komprenis iomete, foje tute ne, do ni faris, kion oni faras en tiuj cirkonstancoj, ni prenis paperon kaj ni ekskribis per ĉinaj vortoj : "kiu estas via nomo ?". Ŝi estis tre surprizita, ke ni scias skribi la ĉinan lingvon, ŝi kuris montri la paperon al la gepatroj, revenis kaj mem skribis por peti, ĉu ni havas infanojn. Post kelkaj minutoj, ekis vera konversacio, duone parola, duone skriba. Ŝi demetis siajn grandegajn sunglasojn, kaj (...)

... daŭrigota ! ...

La KancerKliniko n-ro 121

jan.feb.mar. 2007

Directeur Jacques Le Puil

18210 Thaumiers, France

CPPAP 1007K82202
imprimé par nos soins et l'imprimante